# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

***movada revuo en kunlaboro kun REU*** ***№ 1 (56) februaro 2010***




**en la numero**

*festado de la Zamenhof-jubileo en diversaj urboj*
*jubileaj datoj de la jaro 2010*
*konkurso pri la traduko de proverboj*
*nur "pigrulo" ne estis en Istanbulo*
*Mikaelo Lineckij – nova Prezidanto de UkrEA*
*nova traduko el fratoj Strugackij*
*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

***Moskvo, 2010***

# enhavo





*Sergej Potoskujev el N.Tagil – la plej gaja Neĝulino*


**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

***№ 1 (56) februaro 2010***

*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Garik Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2010:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 350 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# Jubileaj datoj de la jaro 2010

*Aleksandr Saĥarov* (1865-1943) – 145 jaroj
*Vsevolod Ivanov* (L.Ivn) (1900-1937) – 110 jaroj
*Nikolao Kurzens* (1910-1958) – 100 jaroj
*Petro Poliŝĉuk* (1910-1981) – 100 jaroj
07.01 – *Aleksandras Masjukas* (1930-2006) – 80 jaroj
08.01 – *Jurij Karcev* – 40 jaroj
12.01 – *Vasilij Eroŝenko* (1890-1952) – 120 jaroj
15.01 – *Danielo Kolker* – 75 jaroj
21.01 – *Vladimir Bespalov* – 70 jaroj
09.02 – *Grigorij Demidjuk* (1895-1985) – 115 jaroj
09.02 – *Henrik Seppik* (1905-1990) – 105 jaroj
09.02 – *Anatolij Surnakin* – 70 jaroj
11.02 – *Sergej Kuznecov* – 65 jaroj
14.02 – *Igorj Fejgin* – 55 jaroj
27.02 – *Ĵomart Amzejev* – 55 jaroj
01.03 – *Boris Kondratjev* – 50 jaroj
05.03 – *Roman Boljŝakov* – 40 jaroj
11.03 – *Vladimir Sibircev* – 75 jaroj
14.03 – *Viktor Grigorjev* (1925-2007) – 85 jaroj
14.03 – *Aleksandr Milner* – 60 jaroj
19.03 – *Leo Ĵirkov* (1885-1963) – 125 jaroj
14.04 – *David Armand* (1905-1976) – 105 jaroj
19.04 – *Vladimir Terjoĥin* – 75 jaroj



***Vladimir Samodaj***



***Svetlana Smetanina kaj Mikaelo Lineckij***

01.05 – ***Viktor Ĵavoronkov*** (1885-1938) – 125 jaroj
04.05 – ***Varvara Cvetkova*** (1910-1999) – 100 jaroj
04.05 – ***Viktor Kandalinskij*** – 60 jaroj
08.05 – ***Galina Terentjeva*** – 50 jaroj
01.06 – ***Vladimir Gernet*** (1870-1929) – 140 jaroj
01.06 – ***Dmitrij Ŝevĉenko*** – 25 jaroj
09.06 – ***Vladimir Derevjanko*** – 65 jaroj
10.06 – ***Timofej Ŝuvajev*** (1915-2001) – 95 jaroj
17.06 – ***Vladimir Samodaj*** – 75 jaroj
17.07 – ***Valentina Zaĥarova*** – 55 jaroj
24.07 – ***Vadim Ĥmelinskij*** – 75 jaroj
31.07 – ***Oljga Ĉerniŝova*** – 30 jaroj




***Galina Terentjeva***

04.08 – ***Aleksandr Postnikov*** (1880-1925) – 130 jaroj
14.08 – ***Mikaelo Lineckij*** – 65 jaroj
04.09 – ***Pavel Veselov*** – 30 jaroj
10.09 – ***Jevgenij Ajsberg*** (1905-1980) – 105 jaroj
12.09 – ***Anatolo Gonĉarov*** – 70 jaroj
25.10 – ***Viktor Laptev*** – 70 jaroj
03.11 – ***Oljga Semjonova*** (1955-2005) – 55 jaroj
18.11 – ***Vladimir Edelŝtejn*** – 90 jaroj
01.12 – ***Svetlana Smetanina*** – 60 jaroj
10.12 – ***Nikolaj Danovskij*** (1905-1988) – 105 jaroj
18.12 – ***Nikolaj Nekrasov*** (1900-1938) – 110 jaroj
22.12 – ***Evelina Sokolova*** – 40 jaroj
24.12 – ***Stanislav Kotljarov*** – 75 jaroj
27.12 – ***Aleksandr Mikiŝev*** – 50 jaroj



***Viktor Kandalinskij***

## ZAMENHOF-TAGO EN JEKATERINBURG – NE VICA, SED JUBILEA!




Ĉiujare en decembro uralaj kaj siberiaj esperantistoj, samkiel tutmonda esperantistaro, festas la tradician Zamenhof-feston aŭ Tagon de E-libro. Ĉi-foje ĝi estis iom neordinara, ĉar ĝi estis ne vica Zamenhof-tago, sed jubilea kaj dediĉata al la 150-a datreveno de Ludoviko Zamenhof.

Luita por la aranĝo ejo aspektis feste kaj estis tute taŭga por akcepti 40-50 personojn. Kaj preskaŭ 40 esperantistoj partoprenis la feston. Malgraŭ forta frosto (-30ºC) venis gastoj el Ĉeljabinsk, Tjumenj, Niĵnij Tagil, Ĉusovoj (Perma regiono) kaj, kompreneble, Jekaterinburg. Sur la granda ekrano aperis portreto de Zamenhof, eksonis plena de sentoj voĉo de G.Handzlik, kantanta “Ni dankas vin, s-ro Ludoviko”. Post enkondukaj vortoj de Raja Kudrjavceva grupo de jekaterinburganoj montris prezentaĵon, kiu nomiĝis “Ĉu vi scias, ke Zamenhof ... ?” La prezentaĵo konsistis el dudeko da mallongaj demandofrazoj, ĉiu el ili komenciĝis guste per “Ĉu vi scias, ke Zamenhof ... ?” kaj enhavis iun ne vaste konatan fakton el la biografio de la lingvokreinto.

Post la prezentaĵo, vigle kaj gaje farita, tuj startis filmprezento pri Zamenhof, preparita de Aleksandr Osincev. Oni spektis la filmon sur granda ekrano, simile al tiu en kinejoj. La filmo “Omaĝe al Lazaro Ludoviko Zamenhof, kreinto de la lingvo”, farita de Nandir Realigo el Svislando, vokis sinceran intereson de la ĉeestantoj. Poste Aleksandr prezentis kelkajn interesajn fragmentojn, kiuj rakontis pri tio, kiel diversaj amaskomunikiloj kaj la reto en la tuta mondo prilumis la eventon – la jubileon de la aŭtoro de Esperanto. Post la filmoprezentoj ĉiuj partoprenantoj levis pokalojn kaj tostis omaĝe al Zamenhof. Regis vere solena kaj ĝoja etoso.

En la sekva programero Raja Kudrjavceva kaj Saŝa Osincev laŭvice prezentis kelkajn novajn E-librojn, eldonitajn de diversaj E-eldonejoj en 2009 kaj akiritajn dum la someraj E-aranĝoj en libroservoj de UEA kaj REU. Ili citis malgrandajn fragmentojn el la prezentataj libroj kaj fine invitis la partoprenantojn vidi libroekspozicion. Per tio la oficiala parto de la aranĝo finiĝis kaj cedis la



*la festa tablo*

lokon al distraj programeroj, prezentaĵoj, konkursoj, teumado, dancoj ktp., kiuj daŭris ĝis la malfruvespero.

***Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

## MIAJ IMPRESOJ PRI LA ZAMENHOF-FESTO

Viktoro kaj mi disdividis la partojn de la Zamenhof-festo, kiujn ni priskribu laŭvice. Sed niaj priskriboj de la aranĝo estas ja ne nur rakontoj pri tio, kiel ĉio okazis, sed ankaŭ la impresoj, tial mi ŝatus komenci de jeno.




*Daŝa Zelenina (maldekstre) kaj ŝiaj kursanoj*

Nia kutima lokalo en la jekaterinburga "Domo de Paco kaj Amikeco", kie dum kelkaj lastaj jaroj pasis Z-festoj, ĉi-foje ne estis disponebla por ni. Do, ni devis serĉi alian lokon kaj luis la halon en la hotelo "Boljŝoj Ural". Estas interese, ke dum la traktado de lu-kondiĉoj kun la hotela direktorino evidentiĝis, ke ŝi antaŭ multaj jaroj finis elementan kurson de Esperanto en Novosibirsk. Ŝi miris, ke la lingvo prosperas ĝis nun, kaj eĉ diris paron da vortoj en Esperanto!

La dua mia impreso ankaŭ estis tre pozitiva. Ni aperis en la hotelo preskaŭ ĉiuj samtempe, veninte je fiksita horo. Neniu el la organizantoj speciale zorgis pri la ornamo de la ejo, kiel kutime tio okazis antaŭe. Tial ni komencis de komuna ornamado de nia halo. Tjumenanoj pendigis surmure siajn murgazetojn pri la klubo, jekaterinburganoj lokis laŭ la salono salutvortojn kaj gajan emblemon de la vespero. Iuj pumpis aerglobetojn, aliaj preparis kaj dismetis regalaĵojn por la festa tablo. La preparado iris rapide kaj glate, en ĝi aktivis ankaŭ unuafoje partoprenantaj novuloj. Tia kunaktivado ekde la komenco donis al la renkontiĝo bonan impulson, unuiginte ĉiujn.




*la jekaterinburganoj*

La dua parto de la vespero estis pli distra, leĝera kaj gaja. Unue

elpaŝis novuloj de ĉiuj urboj: ili prezentis sin al la cetera publiko, montris preparitajn skeĉojn kaj ŝercojn, poste plenumis kelkajn ŝercajn taskojn kaj aprobe de la tuta halo estis akceptitaj en la amikan rondon de ural-siberia esperantistaro. Post tio komenciĝis gaja ĉetabla festeno kun tostoj, surprizoj, konkursoj, ludoj kaj tiel plu. Tjumena E-klubo "Revo" donacis al jekaterinburga "Arĝenta flamo" portreton de L.Zamenhof, kiu estis akceptita ĝoje kaj tre kontente.



*skeĉo, prezentata de la tjumenanoj kaj jekaterinburganoj*

Ĉiuj estis aktivaj dum tiu ĉi vespero. Aleksandr Kalaŝnikov organizis komunan deklamadon de la poemo "Odo al ĝojo" de Ŝiller kelklingve, altirinte por la elpaŝo ĉeljabinskaninojn Galja Terentjeva kaj Daŝa Zelenina. Ĉiuj ĉeestantoj kunkantis la "Odon" akompane de la muziko. Same propriniciate elpaŝis Rimma Roganova el Ĉusovoj (Perma regiono), ŝi deklamis versaĵojn kaj kantis. Estis bela amika valso en plenumo de Aleksandr Kalaŝnikov el Tjumenj kaj Lidija Jerofejeva el Niĵnij Tagil! Vigle kaj aktive pasis interurba konkurado, por kiu mi proponis ŝercajn taskojn kaj ludojn. Tre ĝojigis teama unueco de la ĉeljabinskanoj kaj eltrovemo, kreemo de la tagilanoj. Dum la lasta ero de la konkurso ĉiuj teamoj prezentis laŭ la tasko siajn Neĝulinojn. Ili estis tiom diversaj: la plej juna kaj ĉarma de Ĉeljabinsk, la plej natura de Jekaterinburg kaj la plej gaja de Niĵnij Tagil. Ĉiuj Neĝulinoj estis premiitaj per malgrandaj festaj abietoj kun verdaj steloj surpinte.

Dum la tuta vespero en la halo regis plena harmonio inter esperantistoj junaj kaj maljunaj, ĵusbakitaj kaj veteranoj, mastroj kaj gastoj. Tiun etoson ŝajne eksentis ĉiuj, kaj ĝi iĝis la plej grava kaj agrabla impreso de la tuta festo.

***Raja Kudrjavceva***
***(Jekaterinburg)***




*elpaŝas la tagilanoj Lidija Jerofejeva kaj Sergej Potoskujev*

## LA FESTO EN TIĤVIN



Tiĥvin, Leningrada regiono, Rusio:

Sabate, la 19-an de decembro en modesta, sed plenplena je homoj, koncertejo de la Art-lernejo nome de Rimskij-Korsakov okazis festa vespero, dediĉita al la 150-jariĝo de la Majstro.

La vesperon komencis preskaŭ duhora koncerto varietea (pianludo, kantoj, dancoj, poemoj). La koncerto estis varmege akceptita de la publiko. Vera Vlasova, reĝisorino de la koncerto, ricevis multajn florbukedojn.

Dumpaŭze la ĉeestantoj venis al ekspozicieto de libroj kaj diskoj; multaj aĉetis lernolibrojn de Esperanto, diskojn kaj librojn en Esperanto.

Post la koncerto la esperantistoj venis al festa tablo por neformala celebrado de la Zamenhof-jubileo kaj adiaŭo de la jaro 2009, kiu estis plensukcesa kaj eventoriĉa por la Tiĥvina Esperanto-klubo. ***(reu-agado)***

## SALUTON, MAJSTRO ZAMENHOF!

La 20-an de decembro uljanovskanoj kunvenis por festi la jubileon de Ludoviko Zamenhof. Al tiu evento estis dediĉita la vica (dua) fotoekspozicio de nia E-klubo kaj de niaj geamikoj el diversaj urboj. Plivastiĝis amika rondo de nia klubo. Unuafoje sendis al ni siajn eksponaĵojn samaranoj, krasnodaranoj, esperantistoj el Volgodonsk, Kirovsk. La kvanto de partoprenantoj el kluboj de Peterburg, Volgograd, Dimitrovgrad plimultiĝis. Ankaŭ nia klubano Dmitrij Ĉumakov kaj komencantino Julija Forlenko la unuan fojon montris siajn fotojn. Estis tre agrable, ke revenis al la klubo post nasko de filo Jelena Tiĥonova (Dolgova). Dume per fotoj, sed ni denove estis kune. Urbaj motivoj fascinis ĉiujn. Tamen estis ne nur fotoj de monumentoj kaj urbaj stratoj. Interesaj estis ĝenraj scenoj.



*niaj komencantoj ricevis medalojn*

Tiamaniere komenciĝis nia kvarhora programo. Por spekti ĉiujn fotojn oni bezonis preskaŭ unu horon. Sed la spektantoj ne enuis, ĉar ili devis elekti la plej belajn fotojn.

La plej bonan foton (dume nur laŭ elekto de la klubanoj) faris Sergej Abramov julie en Peterburg. La bildo estas gaja. Du hundetoj havas ŝildojn kun surskribo “Bonvolu helpi, donu al mi du rublojn por granda kolbaso”. La duan lokon dividis Galina Bronskaja (Uljanovsk) kaj Lilija Burgar (Volgodonsk).

Poste malgranda grupo de komencantoj estis ekzamenita post baza E-kurso. La kvinopo bone plenumis ĉiujn taskojn, proponitajn al ili: voĉlegi la versaĵon de la Majstro “Ho, mia kor’”, kanti la famegan kanton de esperantistoj “Ju-pi-ja”, interparoli kun pli spertaj klubanoj pri kelkaj temoj. Aliajn taskojn ili faris antaŭe dum lecionoj. La ekzamenintoj estis severaj. Unu ekzamenito ne konis bone la tekston de la kanto kaj devis elekti ion alian. Tiel ni povis ĝui bonan plenumadon de Vladislav Trofimov, kiu sola kantis “Tra tuta mond’”.

Post la voĉlegado “malnovaj” esperantistoj konatigis la ĉeestantojn kun diversaj tradukoj de “Ho, mia kor’”, faritaj de konataj tradukistoj kaj ankaŭ de niaj klubanoj. Nia komencantino Jelena Sirotinina provis esprimi siajn sentojn, influitajn de la Zamenhof-poemo, per sia poemeto.



*tradicia libroservo*

Ĉiuj kursfinintoj (kaj iliaj amikoj, kiuj venis por “zeloti”) montris gajan esperantlingvan teatraĵeton “Pakaĵo” laŭ la poemo de S.Marŝak, surscenigitan de Sergej Abramov. En nomo de la klubo Oljga Terentjeva enmanigis “medalojn” kun la kluba emblemo sur la fronta flanko kaj vortoj “Per Esperanto por mondpaco kaj amikeco” sur la inversa flanko. Tiujn memoraĵojn ŝi faris mem laŭ kluba projekto.

Poste okazis premiado. Oni premiis partoprenantojn de la unua fotoekspozicio. (La aliurbanoj jam ricevis “Dankleterojn” elektronike meze de decembro.) Premiitaj estis Tatjana Kuzmina kaj Sergej Abramov pro aktiva agado en la klubo. Ili ricevis verdajn tukojn, pri kiuj ni zorgis ankoraŭ en Soĉi. Tial sur la tukoj estis skribita “Soĉi”. Ankaŭ Jelena Tubalec ricevis donaceton pro siaj sportaj sukcesoj sub flago de Esperanto. Jurij Karcev estis premiita pro sia konstanta helpo al ĉiuj.

Pasintjare (en 2009) nia klubo festis sian 100-jaran jubileon. Ĝi estis registrita la 31-an (la 18-an laŭ la malnova stilo) de decembro 1909. Pro tiu kaŭzo ni ricevis de niaj geamikoj el la dimitrovgrada klubo “Verda suno” esperantlingvan diskon pri ilia urbo, kiun la uljanovskanoj jam kelkfoje vizitis dum la jaro. Nin salutis antaŭtage en nomo de la E-klubo “Arĝenta flamo” Arina Osipova el Jekaterinburg,

Vladimir Bespalov en nomo de la klubo “Laro”, peterburganoj kaj volgogradanoj.



*dum la ekzameno*

Gaja kvizo de Tatjana Kuzmina por komencantoj plezurigis la publikon. Vere, ĉu vi scias, kiu havas du orelojn? Kaj kiu havas brunajn okulojn? Nur dank’ al tiu kvizo ni rigardis unu al alia en la okulojn. Kaj okazis, ke la plej granda parto de niaj klubanoj estas (ne! ne brunokulaj kaj ne verdokulaj, kiel veraj esperantistoj!) tamen helokulaj! Kiu povus scii pri tio antaŭe?!

La gajan kvizon sekvis ree serioza parto de la kunveno: Sergej montris al ni bildojn pri kelkaj Zamenhof-objektoj en diversaj landoj de la 5 kontinentoj. Estas interese, ke ankaŭ sur du fotoj de nia ekspozicio estis Esperanto-stratoj en Kazanj (Oljga Terentjeva, Uljanovsk) kaj en Hispanio (Jekaterina Maliŝeva, Peterburg). Du malgrandaj teamoj devis korekte kolekti faktojn el la vivo de Zamenhof. Tio ne estis malfacila tasko, ĉar antaŭ kelkaj semajnoj la klubanoj ricevis foliojn kun biografio de sinjoro Ludoviko. La duopo Oljga Sirotinina – Ajgul Vildanova gajnis.

Dum la festo funkciis libroservo (Jurij Karcev). Vendataj estis libroj, insignoj, diskoj, aliaj esperantaĵoj. Preskaŭ neniu forlasis la klubon sen aĉeto. La klubanoj tradicie donacis al la biblioteko, kie troviĝas la klubejo, du librojn: la rakontojn de Ivan Bunin kaj la poemaron de Klara Ilutoviĉ. Estu la esperantlingva biblioteka fako pli granda!

La kunvenon finis... gaja diskoteko. Jelena Tubalec proponis al ni interesan dancan varianton. Ni pensas, ke tio povus iĝi la “nacia esperantista danco”. Kial ne? Havu ankaŭ Esperanta popolo sian dancon! Ni esperas, ke la Majstro Zamenhof, kies jubileon ni festis, ne kontraŭus!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***


*la teatraĵeto*

## NI PENSAS, DO NI EKZISTAS

Malfacila kaj nekonata estas alihoma cerbumado. Tial mi sentas min ne nur blinda kaj surda, sed ankaŭ forgesema pro cerba sklerozo, ĉar la diskutata temo (vidu antaŭajn REGojn) konstante glitas for. Ni komencis, preskaŭ antaŭ jaro, de la influo de naciaj frazeologiaĵoj al Esperanto-literaturo – mi supozis, ke en la proponitaj al la legantoj ekzemploj, parte ne literaturaj, naciaj frazeologiaĵoj ne estas. Tiam la temo subite saltis de la literaturo al nepra ĉeesto de naciaj gramatikoj kaj pensmanieroj en Esperanto ĝenerale, – mi provis refuti la neprecon. Sed la temo jam fluas plu, al la homa pensado, al la aserto, ke ne eblas pensi en Esperanto (ĉar ne ekzistas Esperanto-lando!), kaj la cerbumado haltis (dume) ĉe la persona sperto: en kiu lingvo oni pensas kaj kiajn artifikojn oni uzas, kiam petas monon de estimata profesoro. Forbalaante la personkulton (eble restu nur por urĝaj bezonoj iu senkolora virtuala beletristo), la leganto provu por si mem respondi la demandon: ĉu eblas pensi en Esperanto?

Komence, ni facile povas imagi al ni ruson, kiu, ricevinte negrandan kleron, ne posedas aliajn lingvojn, kaj, uzante malriĉan provizon da rusaj vortoj, faras tiom da gramatikaj eraroj, ke forgesemo pri akuzativo en Esperanto aspektas nur kiel sendanĝera peketo. Tamen, ni ja ne povas konstati, ke tiu homo ne kapablas pensi en la rusa. Li pensas kun eraroj. Sekve, kapablo pensi en iu ajn lingvo ne dependas de klereco. Esperante povas pensi eĉ komencanto, se li havas al tio inklinon.

Poste ni imagu knabon, kies patro estas uzbeko, la patrino tatarino, kaj denaske en la familio li parolas tri lingvojn: la uzbekan, tataran kaj rusan. Certe, dum jaroj iun el tiuj lingvoj li uzos pli ofte, sed la kapabloj pensi en ĉiu el ili por la knabo estas egalaj. Sed li ja ne pensos unumomente en ĉiuj tri lingvoj. Ili ne intermiksiĝas ĥaose en lia kapo. La lingvoj ekzistas ne izole, sed unu apud la alia. Foje nacioj ne havas propran ŝtaton kun limoj, sed tio ne malhelpas al iliaj lingvoj memstare evolui. Kial do tio devas malhelpi al Esperanto? Se konsideri, ke Esperanto estas nenio pli, ol artefarita kunmetaĵo el elementoj de naciaj lingvoj, iliaj gramatikoj kaj pensmanieroj, ke ĝi ne povas memstare evolui, tiam ankaŭ etulo, denaske loĝanta en fabela Esperantujo, ne havas ŝancon pensi en Esperanto. Simile al protagonisto el la filmo "Kin-dza-dza!", la malfeliĉa infano la tutan sian vivon pensos uzante nur pecetojn de fremdaj lingvoj, kiujn li ne posedas. Kial, cetere, nur pensos? Ankaŭ parolos. Sed lin neniu komprenos.

Fine, ni prenu la plej simplan frazon en Esperanto: "Bonan tagon!" Konsideri, ke, kiam ni diras ĝin, nian intelekton atakas la franca kaj samtempe la germana lingvoj, el kiuj la frazo originas, estas troigo. Ni simple salutas aliajn esperantistojn. Kiel Esperanto-uzantoj, ni ne interesiĝas pri deveno de tiuj vortoj. Se ni ne sentas la influon, do ĝi ne influas al nia pensmaniero. Alia afero estas prezento de similaj frazoj en literaturo. La trista azeno Ia el "Winnie-la-Pu", salutata per "Bonan matenon!", dubas, ke la mateno de lia naskiĝtago *estas* bona[1]. Tio estas literatura formo, kiu ĝojigas infanojn en multaj lingvoj, inkluzive Esperanton. La na-

---

[1] A.A.Milne. Winnie-la-Pu. Trad. Ivy Kellerman Reed kaj Ralph A. Lewin. Novjorko, 1972. p. 63, 74.

cieco de Ia ne interesas la infanon, li restas sub forta, ni diru “fiziologia” influo de la literatura verko. Ĝuste tiu eksternacia fiziologia influo al homaj sentoj estas aparte interesa por memstara evoluo de Esperanto-literaturo. Ĝuste pro tiu aŭtora “fiziologieco” lingvistoj plejparte literaturajn lingvojn ne esploras. Ĝuste por tiuj pensemaj aŭtoroj en Esperanto mi pledis kaj pledos. Ĝuste pro tio mi asertas, ke eksperimenta sistema aŭ sensistema transmeto de afiksoj de unu loko al la alia, inventado de novaj afiksoj, foje praktikataj en Esperanto, ne apartenas al literaturaj metodoj.

Du tezojn, jen vualite, jen malkaŝe defendas virtuala beletristo: 1. Esperanto estas kombinaĵo el diversaj naciaj gramatikoj, havanta neniun memstarecon. 2. Esperantistoj nur pensas, ke ili pensas en Esperanto, envere ili pensas en siaj denaskaj lingvoj aŭ uzas fremdan nacian pensmanieron. Kial do min tuŝas tiuj du tezoj? Ĉar mi vidas en ili ne hazardan koincidon kun la opinio de la “partia kamaradino” N.Krupskaja el la 1920-aj jaroj, kiam por la mortkondamnaj verdiktoj tempo ankoraŭ ne venis. Mi reproduktas libere laŭ memoro: “Estas malutila sperto, ke Esperanto, tiu artefarita surogato de aliaj lingvoj, kiu povas havi nek propran kulturon, nek literaturon, nun estas tiom disvastigita en la sovetiaj lernejoj. Venis urĝa bezono anstataŭigi ĝin per vere kulturaj lingvoj, ekzemple la franca”. Tiu opinio influis dum jardekoj al multaj doktoraj disertacioj, ĉar la aŭtoritato de N.Krupskaja, la “patrino de la sovetia pedagogia skolo”, longe restis nerefutebla.

Responde al ĉiuj oponantoj, de la plej lerte vualitaj ĝis la plej agreseme malkaŝaj, mi proponas al la legantoj revui la ĉi-subajn erojn el la mondkoncepto de denaska esperantisto en la aĝo inter 2 kaj 3 jaroj.

Patro montras al sia filo birdojn sur bildkartoj.
– Anaso! – feliĉe krias la infano, ja la birdo estas al li konata.
– Mandarenanaso, – korektas lin la patro.
Sur la sekva bildkarto estas pentrita gufo.
– Gufo, – diras la patro.
– **Mandarengufo**, – korektas la patron la infano.
*(La dujara infano uzas ligojn, ekzistantajn en Esperanto, ne la naciajn.)*

– Esperanto estas por mi la lingvo, **’stas** por mi la lingvo, – la infano mire eksciis, ke Esperanto estas lingvo, el la populara kanto.

*(La infano venis al la apostrofo en la vorto “estas” memstare, sen influo de iuajn gramatika sperto. La deziro engluti komencajn kaj finajn vokalojn estas neevenkebla.)*

– **Leon’** en akvo dronis.
– Iru ĝin savi.
– Sed mi **savilon** ne havas.
(*2 jaroj kaj 10 monatoj.*)

– Panjo, panjo! – krias la etulo, sed la patrino ne rimarkas lin.



– Paĉjo! – la infano sin turnas jam al la patro.
Denove ne estas respondo.
– **Panjĉjo-o-o!** – senespere vekrias la etulo.
*(La gramatiko por la dujara infano ne estas problemo, li libere kombinas sufiksojn kaj prepoziciojn, kaj la lingvosento rilate al Esperanto malofte perfidas lin.*)

– Kial vi faligis la revuon sur la plankon? – koleretas la patrino.
– Ne, mi ne faligis... **Ĝi mem falis de mi**.

La infano sin demandas kaj mem respondas:
– Kiel parolas **leono**? – Verŝajne "**leo, leo**". Kaj krokodilo parolas "kva, kva".
(*2 jaroj kaj 6 monatoj.*)

La infano iom pensas (*en Esperanto!*) kaj poste voĉe konkludas:
– Esperante parolas: panjo, paĉjo, Avo Frosto...
– Esperante ne parolas: avino, krokodilo, lupo... Lupo diras "u-u-u".

Por la deserto oni vidu la ***influon de Esperanto-gramatiko kaj pensmaniero*** de la sama infano ***al la rusa lingvo***.
La infano parolas ruse:
– [En pruno estas] **ostoĉka** (*esperanta osteto [kerneto] plus rusa kostoĉka*).
– [Estas jam malplena] **skatolka**.
– [Kia longa estas] **ŝtuparka** (*pri eskalatoro*).
– [Panjo tajpas per] **tajpilka**.

Reciproka influo de ambaŭ lingvoj:
Najbaran hundon, ruslingve "bolonka" – bolonja hundo, la infano rebaptis **baloneto** (*la nekonatan rusan vorton li ligis kun ronda dika blovludilo konata el Esperanto*), tial pli granda nigra terhundo iĝis **balono** (*kun absoluta imago, ke ĝi estas patro de la baloneto*), dum grandega vila kaj blanka sudrusia ŝafhundo estis nomata **granda balono**, aŭ **balonego**.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## NACIAJ DIRAĴOJ E-VESTE

**parto 6**[1]

***Preface***

*Ĉi-loke mi ŝatus atentigi pri la dulingvaj esp-istoj (kun e-to fakte trilingvaj), kiuj, denaske posedantaj unu lingvon poste mergiĝis kaj longege vivas en alilingva medio, do perfekte ekposedante la duan lingvon. Kaj por la legantoj, kiuj ne posedas tiujn du lingvojn, ne estas klare kiu nacilingvo transdonis al esperanto jen-kaj-jenan interesan diraĵon. En la rubriko "Hungario" tia dulingvulo estas Bernard Golden, kiu, usone elkreskinta kaj fakuliĝinta, poste edziĝis al hungarino kaj longe vivis en Hungario. Ankaŭ la hungaro Ferenc Szilagyi longan tempon loĝis kaj ekreis en Svedio. Eŭgene de Zilah-on mi eĉ metis en la rubrikon "Francio", ĉar li*

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 2 (51) – 6 (55), 2009.

*hungariis nur 17 jarojn sed pli ol duoble da jaroj loĝas kaj kreas en Francio.*

*Certe estas ankaŭ aliaj dulingvuloj, kiujn mi ne konas dulingvaj, sekve la rubrikado laŭlanda en la artikolserio havas relativan, foje neĝustan, karakteron. Plej gravas, ke esperanto riĉiĝas el naciaj lingvoj kaj pensmanieroj kaj nome tion mi legoĉasis dum kvardek kelkaj jaroj. Ĝuste tion uzas mult-e-legaj samideanoj, atingante la arton vere ĵongli kaj beli e-esprimive.*

*La tre riĉa hungaria rubriko, same kiel ekz. la ĉina kaj kelkaj aliaj, atestas, ke dank' al la laboro de e-kultura parto de la hungara Esperantio nia lingvo riĉiĝis el tiuj landoj, kies esp-istoj e-kreas anstataŭ e-"batali". Post la kreantoj restas ĉiam pligrandiĝanta monteto da e-kulturo, post la batalantoj restas nur historio de la baraktado, kaj nuran valoron havas la e-instruado kaj klubado kun e-aranĝoj.*

## H U N G A R I O

Kvankam li lernis volonte, sed estas tre malfacile: **"Maljuna cerbo plena de herbo"** – li kutimas diri.
*F.Szilágyi, or., Norda prismo, 1963, 3, p. 78*

La viro, Desiderio Zelenka, estis jam trans 60, ankaŭ la edzino **pantoflumas ĉirkaŭ la 55-a jaro**; la plej aĝa nepo baldaŭ prezentos sin en soldeklama vespero...
*F.Szilágyi, tr., Norda Prismo, 1965, 4-6, p. 124*

Kiel povas esti, ke ĝis nun ŝi ne rimarkis tion! Se ne intervenus tiu teatra vespero, eble neniam ŝi rimarkus tion. Sed dank' al Dio, tio intervenis. Tio intervenis, **ventron de Dio**!
*Anna Szekely, tr., Norda Prismo, 1969, 3-4, p. 178*

Ju pli pala estas Katanjo, des pli **okulpaŝtas** Mihalik **sur ŝi**. Kio okazus, se ŝi vizitus kun li teatron?
*Anna Szekely, tr., Norda Prismo, 1969, 3-4, p. 181*

La **parolo svenis** sur la lipoj...
*tr., Hungara Vivo, 1970, 1, p. 25*

La **vorto hokis** al li **en la gorĝo**.
*tr,. Hungara Vivo, 1970, 1, p. 25*

**dormi kiel pelto somere**
*tr., Hungara Vivo, 1970, 1, p. 25*

... la generalo ordonis doni al li kvindek batojn sur la plandojn, tiajn, ke certe li **memoros ilin eĉ en la tago de sia morto**.
*Elek Benedek, Hungaraj Fabeloj (tr. Mária Benczik). HEA, Budapest, 1979, p. 22*

**Ili (li) eĉ nun vivas, se intertempe ili (li) ne mortis.** [Ofta finaĵo de la hungaraj fabeloj. – rim. de AG]
*Elek Benedek, Hungaraj Fabeloj (tr. Mária Benczik). HEA, Budapest, 1979, p. 42*

La reĝo kontraŭparolis la intencon de la filo, sed **kvazaŭ li ĵetadus pizojn al muro:** ĉiuj liaj argumentoj refalis senpovaj.
*Elek Benedek, Hungaraj Fabeloj (tr. Mária Benczik). HEA, Budapest, 1979, p. 46*

Havis jam pli ol okdek jarojn – li estis kurbiĝinta, tamen alta, maldika, **sektalia maljunulo**.
*István Nemere, La naŭa kanalo. or., HEA, Budapest, 1981, p. 27*

... same la Renkontiĝo de Esperanto-Teatroj tiros la atenton de multaj. Jes, jes, se ili hazarde (**la diablo neniam dormas**) intencos lerni Esperanton?
*Budapeŝta Informilo, 1982, 4, p. 8*

Ili do ne sukscesis. La kapsulojn ili povis nek enkapti nek deviigi. Sed tiam **jam jukis al ili en la piedoj**, ĉar sur Marso komenciĝis la konstruado de grandegaj sunaltfornoj.
*Sferoj – 1. Sciencfikcio kaj fantasto (tr. Csaba Finta). Hispana E-Federacio, 1982, p. 67*

Kaj vidu nur, la raketoj jam tiel malproksime vagadas tie supre en la umaĵo, ke **al la lumo barbo elkreskos** ĝis ĝi atingos ilin.
*Sferoj – 1. Sciencfikcio kaj fantasto (tr. Csaba Finta). Hispana E-Federacio, 1982, p. 67*

*Istvan Nemere, La perdita urbo. or., HEA, Budapest, 1982:*

Kiam vi denove subeniros? Mark **sentis bati la koron en la gorĝo.** La oldulo eldiris finfine tion, pri kio li nur pensis ĝis nun. *p. 49*

Samtempe ofte li revis, ke alveninte al eksterlanda oficvojaĝo, li paŝos en loĝejon, kie **oni sentas – ĉar tio eliĝas el la muroj! –** la konstantan ĉeeston de virino... *p. 45*

Kiam ili enpaŝis, fariĝis silento. Sed ne tuj – kiel en tiuj okazoj, ankoraŭ sonis kelkaj krioj, laŭtaj vortoj, **poste la bruo sedimentiĝis**. *p. 61*

Do vi rekonas vian kulpon? – demandis iu alta viro staranta malantaŭe, ĉe la muro. **La silento kvazaŭ dispuŝis la murojn.** Tasca rigide observis la vizaĝon de Martin. Boccone englutis la salivon. Spada premmane tenis iun seĝon. *p. 71*

Ja vere ili neniam pardonos al vi. Ili jam de jarcentoj kutimiĝis al la ideo **"ion por io"** kaj **"ĉio havas sian prezon"**. Nenion oni ricevas senpage... *p. 111*

Ĉu vi timas la malliberejon? – vigliĝis la oldulo. Martin **tiris la ŝultron**. Kion respondi...? *p. 120*

Timol anhelante, lace tiris la piedojn; ĉe la aŭto li falis genuen, prenis iun botelon da akvo, trinkis. Sven malrapide aliris, li ne timis jam...
– La ceteraj?
**De sur la vizaĝo** de Timol **kiel malvastaj tavoloj faladis la laco**.
*I.Nemere, La blinda birdo. or., HEA, Budapest, 1983, p.107*

Tamen, en la adiaŭa horo li interpaciĝis kun Hegedus. "En novembro de 1819 li vizitis min... amike konversaciante **ni trinkis adiaŭon per vino** de Tokaj".
*F.Szilágyi, La vivo de Sándor Körösi Csoma (tr. Fenyvesi). HEA, Budapest, 1984, p. 28*

Dum la lastaj tagoj mi aŭ promenas en la ĝardeno, aŭ aŭtas al la montoj. Dume mi parolas al ŝi. Kompreneble mi diskutadas kun Anna. Mi ŝatas tiujn **unuflugilajn**

**konversaciojn**, ĉifoje mi diras "al ŝi" ankaŭ tiajn frazojn, kiujn ĝis nun reale neniam diris...
*István Nemere, Febro. or., HEA, Budapest, 1984, p. 53*

*Z.Moricz, Varmega kamparo (tr. I.Nagy). HEA, Budapest, 1985:*

Ĝi estas ŝia plej ŝatata koloro. – Ĉu **la flava? La koloro de la envio**? – Ŝi ŝatas tiujn, kiuj ŝin envias. *p. 10*

En ĉi tiu momento la katastra afergvidanto, kiu kelkajn minutojn kun **pacienco sur sin devigita** manĝis la anason, faris tiajn grandajn okulojn, ke li tuj stariĝis. *p. 21*

Ili volis erarigi min. Sed post la alveno de la ĉefpolicestro kun la detektivoj, tuj **malligiĝis ilia lango**... *p. 33*

La viro neniam pensis serioze pri tio. Ĉiu lin incitis, ekscitis, sed li neniam estus pensinta serioze tion pri ŝi. **Oni nur ventolu sian buŝon.** Sed nun li certiĝis pri **onidiroj**. *p. 54*

– Nu, iru jam dormi! – aŭdiĝis la kolera voĉo de la maljunulino, la filino de la kadukulo, ŝi mem estas jam **maljuna kiel landvojo**. *p. 55*

Ĉu min? Vi malhonorulino! Ĉar mi neniam estis la lasta, la amatino de la moŝtoj. **Ekspedu vin for,** vi ĉiesulino! *p. 56*

Forportu vin de ĉi tie jam, vi malpuraĵo, ĉar mi **tiel forpiedos** vin, **ke vi disiĝos en sepdek sep pecojn**. *p. 56*

Tiuj **malsaĝaj kampuloj** vidis la postsignon de tiaspeca kaŭĉukplanduma ŝuo kaj ili tuj **ventolis sian buŝon**... *p. 78*

Nome tio estas la kutima dirmaniero de Lenke. Nu, **bojanta hundo ne mordas**. *p. 101*

Nun mi faros la protokolon... Sidiĝu! – kriegis la detektivo al la viro. – Sidiĝu, **ventron de cia patrino**... *p. 106*

La notario, kvankam el ofica devo estas la subulo de la provinca distriktestro kaj de la ŝtatadministradaj superuloj, sed oni ne estas ankoraŭ sur tiu punkto, ke li devas eĉ antaŭ detektivo **ligi nodon sur sian langon**. *p. 127*

Nu, vi scias mia kara, ke **buŝo senparola, kapo sendolora** – diris ŝia edzo, – sed tiu Beni Papp fariĝis kadukulo. *p. 141*

La viro konsterniĝis, lia **sango kuris supren-malsupren**, lia vizaĝo ruĝiĝis; ĉu ankaŭ ŝi pensis pri la samo? Ĉu ŝi divenis lian penson? *p. 147*

*En la (nelongtempe eldonata) revuo "Ovo", 1985, 1, (tr., eble ne nur el la hungara, Bernard Golden):*

Ĉiu scias, ke ovoj estas facile rompeblaj. La hungaroj diras: Tiel **traktu aŭ zorgu** ion aŭ iun **kiel ornamitan ovon**... *p. 2*

La ovo de Kolumbo estas konata ankaŭ en Hungario. Ĝi aludas al memkomprenebla solvo de problemo, kiun neniu ĝis nun trovis... Tiu anekdoto estigis du popoldirojn... (2) **ankaŭ la ovo stariĝas, se vi rompas ĝian kapon.** La du signifas, ke per

iom da perforto kaj... *p. 2*

Tamen, se estas necese okupiĝi pri ovoj – aŭ entrepreni alian **delikatan** aŭ **riskan aferon** – la homoj diras, ke **oni iras, paŝas aŭ dancas sur ovoj**. *p. 2*

Hungaraj pask-ovoj estas bele ornamitaj per ruĝa koloro kaj ankaŭ per pentritaj desegnaĵoj. Se io estas tre bela aŭ bone kunmetita, oni diras, ke ĝi estas **tiel bela kiel ornamita pask-ovo** aŭ ĝi venis el ruĝa ovo. *p. 2*

La ovo simbolas ankoraŭ **nematuran** aspekton de la vivo, kaj tio estas esprimita figure pri sensperta aŭ tro juna persono en jena eldiro: **Li apenaŭ sin ŝovis el la ovo**. *p. 2*

Diferenco inter ovoj kaj homoj troviĝas en la sekva esprimo: **Pli rapide kuiriĝas la mola ol la malmola ovo.** Infano kun milda karaktero estas pli facile edukebla kaj alkutimigebla ol la obstina infano. *p. 2*

Komparo inter ovoj kaj ŝtonoj emfazas la similecon: **Ne gravas, ĉu oni elektas ovon anstataŭ ŝtono aŭ ŝtonon anstataŭ ovo**. Se iu elektas unu solvon aŭ la alian, ĉiuokaze li agas malbone. *p. 2*

Por instrui, ke la enhavo estas pli valora ol la eksteraĵo, oni diras: **Ne la karbo estas la plej grava, sed la ovoj en ĝi.** *p. 2*

Iom alia estas la interpreto de jenaj diraĵoj: ...(2) **La ovo nur unufojon rompiĝas**. Tie ĉi oni volas diri, ke perdita honoro, honesteco aŭ ĉasteco ne plu estas reakirebla. *p. 2*

Se oni diras pri persono, ke **li aŭ ŝi estas sama kiel la ornamita ovo,** tio signifas, ke la persono havas sentivan, ofendiĝeman karakteron. *p. 2*

Iom alia estas la interpreto de jenaj diraĵoj: **Se ovo unufoje rompiĝas, ne estas iu forĝisto, kiu riparus ĝin...** *p. 2*

En Hungario, same kiel aliloke, ĉiuj ovoj estas pli-malpli samaj laŭ formo, do estiĝas la esprimoj: **Ili similas unu la alian kiel du ovoj kaj nenio estas pli simila ol unu ovo al la alia.** *p. 2*

Ĝi certe kapablas fari pripensitan kaj respondecan proponon aŭ peton. Kaj de tiam tri jaroj forfluetis kaj forfluos plu... Sed **ni revenu al niaj ŝafoj**.
*Istvan Nagy, or., Hungara Vivo, 1986, 2, p. 69*

Unuavice temas pri dezirindaj psikologiaj trajtoj de nia informado... **Manon sur la koron**: kiom ofte ni informas eble laŭfakte, tamen psikologie malĝuste!
*Ervin Fenyvesi, or., Hngara vivo, 1986, 2, p. 77*

Kial la pli granda estas la knabino? Mi **eĉ vaporon de imago ne havas**...
*Imre Szabo, tr., Hungara vivo, 1987, 1, p. 13*

Je minaco **malfermiĝis ŝiaj lipoj, sed la vorto hokiĝis**... Nenion ŝi povis diri alian, ol tion, kion...
*Berci Darazs, or., Literatura Foiro, 113, (jun. 1988), p. 38*

Post la 25-a de aŭgusto ne estas sane bani sin en libero. – Kial? – **Ĉar tiam enurinas la rivereton la cervo, kaj la akvo iĝas malvarma**. [en Rusio oni la samon

atribuas al la urso – rim. de AG]
*Berci Darazs, or., Literatura Foiro, 113, (jun. 1988), p. 37*

Li naĝis male al mia patrino, lante, flose sur la spegulo de la **kolere verda akvo** profunda...
*Berci Darazs, or., Literatura Foiro, 113, (jun. 1988), p. 38*

Dum la lastaj monatoj kreiĝis pluraj sendependaj sindikatoj, kiuj **muelas sufiĉe da pipro sub la nazon** de la registaro.
*Vilmos Benczik, or., Hungara Vivo, 1989, 1, p. 6*

Evidentiĝis, ke oni devas forigi la **betonkapulojn**, sed se la reformistoj volas verajn ŝanĝojn...
*Jŭasz Karlo, or., Monato, 1989, 12, p. 9*

Brava knabo, vi vidos, nun deksesjara, sed li **konas ĉiun fajnon kaj ŝajnon** en la metio. [la aŭtoroj – italo kaj hungaro – rim. de AG]
*Corrado Tavanti – István Ertl, Tiu Toskana septembro. HEA, Budapesto, 1990, p. 9*

... kaj havigu al mi la novajn fotojn. Kolorajn, kompreneble.
– En ordo, sinjoro juĝisto, sed tio **kostos pipre.**
*Corrado Tavanti – István Ertl, Tiu Toskana septembro. HEA, Budapesto, 1990, p. 12*

Pri slango eble helpus la bonvene multiĝanta fakliteraturo... Jen specimeno:
*Venu eksteren, al la ciumejo, **merdofik'** kaj mi draŝos vin kiel anseron hajlo! Kiel bubo kacon, merde! Kion vi ridaĉas, **merdon!** Mi ĉizos eternan ridon sur vian manĝujon, merde!*
*Istvan Ertl, or., Literatura Foiro, 123, (febr. 1990), p. 13*

En la rolo de reĝo Toaso, suvereno de sovaĝa barbara gento, Emanuel Reicher eminentis. Li montris kortuŝan amon al la forpelita orfino, kaj tiu **amo hezitis inter la patra kaj la vera amo.**
*Årpåd Abonyi-Nagy, or., Literatura Foiro, 138, (aŭg.1992) p.199*

La belforman nazon ne tuŝis la tempo. Eble nur ĉekole, sed ja sciate, – pensis Lina,– ke **kiel la fiŝo malboniĝas de la kapo, la virino de la kolo...**
*István Nemere, Nesto de Viperoj. Impeto, Moskvo, 1994, p. 71*

Lina estos kun li; Koller jam ne dubis pri tio. Ili du **konvenas unu al alia, kiel la dentoradoj.**
*István Nemere, Nesto de Viperoj. Impeto, Moskvo, 1994, p. 149*

... sed per konkursoj helpas la “originale verkantajn”, eĉ se iliajn “produktojn” oni plej parte malfacile komprenas, facile forgesas, kaj pri tiuj “premiitaj poemoj” post kelke da tempo **eĉ la korvoj ne grakos.**
*Miklos Fehér, or., La Kancerkliniko, 71, (jul.-sept. 1994), p. 21*

Mi montris al ili la koncepton de la klaso kaj **ili kurbigis la lipojn**. Mi do ne havis alian eblon, ol varbi aliajn homojn.
*Peter Rados, or., La Gazeto, 57, (mar. 1995), p. 31*

Luksa posedaĵo, konstatis la alvenintoj kaj pro envio **englutis la salivon**.
*István Nemere, or., Literatura Foiro, 159, (feb. 1996), p. 23*

Tamen ne unufoje mi observis ke iuj lingvistoj (ekz. Claude Hagete en Francio) iom tro facile pretas adapti siajn dirojn al la gusto de la publiko, kaj tial ilia **opinio** pri esperanto **povas malstabili, kvazaŭ svingiĝi.**
*Istvan Ertl, or., La Gazeto, 90, (okt. 2000), p. 7*

Du alineojn li tradukis diligente, sed ĝisvenis sensencon kiun neniu interpreto superus. Pli bone, do, nun **forredakti sin el ilia vivo –** li intuis, – morgaŭ maleblos, nerefareble.
*Istvan Ertl, or., Monato, 2001, 10, p. 24*

En la dormema somera posttagmezo la pasaĝeroj maleme **interŝanĝis** kelkajn **ŝvebajn frazerojn**. [Ne klaras kiun nacian menson uzis la tradukisto, ĉu la fontan hispanan, ĉu la denaskan hungaran, ĉar dum la tradukado funkcias ĉiuj enmensaj fontoj. – rim. de AG]
*István Ertl, el la hispana, Fonto, 242, (febr.2001), p.5*

*István Nemere, Krias la silento. or., Bero Berkeley, 2002:*

Paula havis belegan korpon. Theo jam sciis tion. Ŝi **portis sian korpon kvazaŭ veston** aŭ kion ajn, pri nenio ŝi sekretis antaŭ la mondo. *p. 9*

Paulo nun estis treege sincera. Ŝi ne rigardis al li sed gapis al la muro. La **vizaĝo – kvazaŭ neadresita koverto.** Ĉu vere ŝi estas tia? *p.16*

**La maltrankvilo tuj saltis en lian gorĝon**, kaj longe ne forlasis lin, kiam tiu doktoro Colonis ekparolis. *p.20*

... kion ja li povus ankoraŭ diri, eldirinte tion, kio bruligis la animon. Iom **trista** li estis, **kiel ĝenerale la batalantoj de la postgvardio.** *p. 168*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## NUR "PIGRULO" NE ESTIS EN ISTANBULO

Foje ĉe iu ajn persono okazas en la vivo tiuj momentoj, kiam oni deziras eviti iujn eventojn (malagrablajn aŭ feliĉajn*)* por ke ili ne alportu nedezirindajn spertojn. Do tiaj personoj serĉas rifuĝejon, kie eblus kaŝiĝi por ne kontakti dum certa tempo parencojn, konatojn, kolegojn aŭ najbarojn. Simila rifuĝejo povas esti propra hejmo, de kie oni ne eliras, ne respondas al telefonvokoj kaj retmesaĝoj. Proksima vilaĝo aŭ fora regiono ankaŭ taŭgas. Rifuĝejoj abundas surtere...

Io simila okazis al mi fine de ĉi oktobro. Mia emo al vojaĝoj, kiujn mi ŝategas, vokis min "fuĝi" iom pli malproksimen. Rigardante la mapon kaj revante pri suna klimato dum pluva kaj malvarma vetero en centra Rusio, mi decidis veturi al Turkio, lando "neatingebla" pro certaj kialoj antaŭ 20 jaroj. Ĉi-epoke al neniu el rusianoj fremdas nomo de tiu ĉi najbaro. Nuntempe kiu el niaj samlandanoj ankoraŭ ne vojaĝis al Turkio aŭ ne havas en sia vestoŝranko turkajn vestaĵojn? Dum postperestrojka tempo Turkio iĝis por rusianoj lando, kiun ne vizitis nur "pigrulo"! Aĉetinte vojaĝilojn rusiaj turistoj venas al Turkio por libertempi sur Mediteranea plaĝo baniĝante en varma maro, satiĝi 5 fojojn tage en ripozejoj, kie ĉio estas inkluzivita. Memkompreneble, ili ankaŭ bazarumas kaj faras aĉetojn en proksimaj vendejoj. Same multaj rusiaj komercistoj veturis(as) tien por provizi nialan-


en la aerhaveno – la flago de Turkio kaj Atatürk

dan merkaton per diversaj varoj.

Miaj preferoj estis malaj. Tial por la vojaĝo mi elektis Istanbulon, urbon kun mirinda situo – limo inter Eŭropo kaj Azio – kaj riĉoplena antikva historio, kiu siatempe estis ĉefurbo de tri imperioj: Romia, Bizanca kaj Otomana. Ĉiu imperio konstruis siajn monumentojn, aŭtoroj de kiuj estis eminentaj arkitektoj. En Istanbulo la historio dense interplektiĝas kun moderneco, kaj tie najbaras diversaj kulturoj kaj religioj, kio kreas neripeteblan atmosferon de la urbo: pli ol 500-jaraj pompaj moskeoj kun minaretoj kaj multetaĝaj konstruaĵoj (oficejoj, loĝdomoj, vendejoj), virinoj nacie vestitaj kaj luksaj aŭtoj, surstrate fritataj kaŝtanoj, maizaĵoj kaj modernaj aŭtovojoj, surstrataj ŝupurigistoj kaj interretejoj. Kurte, Istanbulo unuigis karakterajn trajtojn de orienta kulturo kun lastaj atingoj de okcidenta civilizacio. Antaŭ la jaro 1930 la urbo oficiale nomiĝis Konstantinopolo. De tiu tempo Turkio estas respubliko, kies fondinto Atatürk iĝis, supozeble, la plej fotata politika aganto de la 20-a jarcento. Oni vidas lian vizaĝon kaj lian nomon tre ofte en Istanbulo: sur medaloj kaj dekoritaj teleroj, en aerhaveno, kiu havas lian nomon, same kiel bulvardo, du pontoj kaj maŭzoleo. Ekzistas ankaŭ diversaj monumentoj al la “Patro de turkoj”, tipa personkulto, tamen libervola kaj sincera.

La unua, kio mirigas – Bosforo, markolo dividanta la urbon. Sur ĝi oni vidas ne nur marajn pasaĝerajn ŝipegojn, kargoŝipojn, sed ankaŭ ŝipetojn, kiuj servas kiel enurbaj transportiloj, same kiel metroo, tramoj, busoj kaj itineraj taksioj. Dutrietaĝaj ŝipetoj navigas regule tra Bosforo kaj transportas siajn pasaĝerojn al diversaj partoj de la grandega urbo. Antaŭ 3 jaroj estis lanĉita konstruo de fervoja tunelo sub Bosforo, kiu devos kunigi transportajn sistemojn de Istanbulo.


Blua moskeo

Multnombraj grandegaj moskeoj altiras atenton de multaj turistoj, kiuj svarmas en Istan-



*kapo de Meduzo Gorgono*

bulo. 6-foje tage aŭdiĝas arablingvaj alvokoj al "namaz", t.e. preĝoj. Tiuj ĉi alvokoj sonas el laŭtparoliloj de sur balkonetoj de ĉiuj urbaj pintformaj turoj, minaretoj. Superante ĉiujn urbajn bruojn, la alvokoj atingas ĉies orelon. En la korto ĉe enirejo al moskeo viroj antaŭ preĝoj lavas la piedojn en tiucele aranĝita fontano. Ĉiuj enirantoj al iu ajn moskeo, preĝantoj aŭ turistoj, nepre devas demeti la ŝuojn, kiujn ili kunprenas en plastaj sakoj. La virinoj surmetas kaptukojn. La plastaj sakoj kaj la kaptukoj estas je dispono de vizitantoj ĉe enirejo al moskeo.

Preskaŭ ĉiuj famaj vidindaĵoj de Istanbulo troviĝas en ĝia eŭropa parto. Mi loĝis en la azia parto, tial ĉiutage du fojojn (tien-reen) mi ŝipumis por viziti ilin. Forlasinte la kajon, de kiu fiŝkaptas multnombraj viroj, mi preteriras la stacidomon Sirkeĝi. Ĝuste al ĝi venadis la legenda Orienta ekspreso, kies startopunkto ekde 1889 jaro estis en Parizo. Nuntempe la trajno startas el Budapesto.

Mi supreniras straton direkte al la historia Palaco Topkapi, situanta sur unu el 7 montetoj de Istanbulo. Antaŭe ĉi tie troviĝis sultana rezidejo kun unika trezorejo, kaj en 1924 la palaco estis transformita al muzeo. De tiu tempo ĝiaj eksponaĵoj konstante plimultiĝas. La tuta palaca komplekso okupas grandan teritorion: por konatiĝi kun ĝi oni bezonas la tutan tagon.

Unu el la plej famaj kreaĵoj de la tutmonda arkitekturo estas baziliko de la Sankta Sofio, konstruita en 537. Ĝi estas unu el la plej grandaj bizancaj konstruaĵoj en la mondo. Dum 900 jaroj la baziliko estis la ĉefa kristana katedralo de Konstantinopolo. Ekde 1453 ĝi estis transformigata al moskeo, al kiu oni alkonstruis minaretojn. "La Sankta Sofio" estas konata per sia imponaj dimensioj, rimarkinda arkitekturo, belaj mozaikaĵoj kaj freskoj. La kupolon de la baziliko subtenas 107 kolonoj. Atatürk, estante arda adepto de eksterŝtatigo de la Eklezio, decidis aranĝi tie muzeon.

Kontraŭ la katedralo de la Sankta Sofio en la unua duono de la 17-a jarcento estis starigita la moskeo de Sultan Ahmet Camii (aŭ Blua moskeo) por superi la katedralon. En Istanbulo ĝi estas la sola moskeo kun 6 minaretoj. La muroj de preĝhalo estas ornamitaj per 21000 kaheletoj el Iznik, apuda urbeto. La taga lumo penetranta internen tra 260 fenestroj kreas neripeteble belan kaj majestan vidaĵon. La grandegaj proporcioj kaj sveltaspektaj minaretoj de la Blua moskeo admiras kaj altiras turistojn el la tuta mondo.

Se oni transiras la apudan straton, tute proksime oni trovas alian mirindaĵon: cisternon, antikvan akvorezervejon. Malsupreniĝinte laŭ ŝtuparo oni trafas al apenaŭ lumigata subterejo kun 336 kolonoj venigitaj ĉi tien el diversaj antikvaj katedraloj. Sur subkonstruaĵo de du kolonoj oni vidas kapojn de Meduzo Gorgono.

Ĉie gutanta akvo kaj kelkaj raraj lampetoj aldonas iom da mistero al la vizito.

Ĝenerale, Istanbulo plenplenas je muzeoj, palacoj, moskeoj, kaj por viziti ilin estas bezonataj kelkaj tagoj. Jam de frua mateno vicas turistoj por vidi tiujn ĉi admirindajn arkitekturaĵojn. Post aĉeto de enirbileto, kies kosto estas sufiĉe alta, oni subiĝas al severa kontrolo, simila al nuna kontrolo de pasaĝeroj en aerhavenoj. Aŭdiĝas voĉoj de angle, hispane, germane, france, itale kaj japane parolantaj turistoj. La rusojn mi renkontis nur 2-3 fojojn sur komercaj stratoj de Istanbulo kaj en unu el bazaroj. Tamen, de loko al loko estas videblaj spuroj de nialandanoj. Jen, videblas ŝildo de “Русский ресторан Водолей”, jen – panelo “пари**х**махер”, jen – restoracia menuo en la rusa lingvo “м**а**ро**х**еное”, “фруктовый са**и**ат”: “великий и могучий” la rusa lingvo konkeras Turkion!




*“Grand Bazar”*

Svarmas turistoj ankaŭ en “Grand Bazar”, loko en la centro de Istanbulo simila al labirinto kun multaj kvazaŭstratetoj, sur kiuj dense situas ĉirkaŭ 5000 butiketoj kun diversaj varoj el oro kaj arĝento, ŝuoj kaj ledaj vestaĵoj, tapiŝoj kaj koloraj koltukoj, vazoj kaj suveniroj ktp. La aspekto de tiu ĉi fermita bazaro, la plej granda kaj la plej antikva en la mondo, estas nekutime okulfrape festa kaj pimpa, en kiu oni povas kaj emas pasigi multajn horojn ĉion observante.




*ĉu ankaŭ ruslingve?*

Same alloga estas Egipta bazaro situanta proksime al Bosforo, kiu datumas je la jaro 1660. Admirindas stokoj de spicaĵoj, faskoj de sekigitaj fruktoj, raraj kuracherboj, kiuj nepre altiras atenton, kaj oni nevole enspiras diversajn agrablajn aromojn. Same, kiel dum multaj antaŭaj jaroj, nun ĉi tie oni vendas ankaŭ teon, kafon kaj orientajn dolĉaĵojn, kies aĉeto nepras pro ilia bongusteco. Kaj turistoj ne preterlasas la okazon enprofundiĝi en orientan fabelon!


kun Murat kaj liaj E-gelernantoj

Unu el miaj konatoj depost la restado en Nepalo – Murat Ozdizdar – planis mian viziton al la privata lernejo, kie li instruas kemion. Jam de kelkaj jaroj Murat instruas ankaŭ Esperanton al siaj gelernantoj. Ĉifoje E-lecionon antaŭvidite gvidas mi. Poste sekvas nova renkontiĝo, nun kun geinstruistoj de la lernejo, al kiuj estas prezentita komputile mia vizito al Nepalo. Per speciale mendita buseto en akompano de alia turka esperantisto, junulo Vaulcan (prononcu Volkan), mi veturas al Izmir, urbo 50 km for de Istanbulo surborde de Marmora maro. Ankaŭ tie estis planita renkontiĝo kun E-lernantoj de Murat. La gelernantoj de tiu ĉi lernejo por kapablaj infanoj, 15-16-jaraj, preferas scii iom pli pri Rusio kaj aŭdi prelegon pri mia patrolando, vidi komputilan prezentadon pri la E-karavano julie 2007 tra Rusio survoje al UK en Japanio. Fotiĝoj en ambaŭ lernejoj kaj donacitaj rusiaj kalendaretoj kronas mian "lernejan" tagon en Turkio.

Dum unusemajna restado en Istanbulo mi ne restis sen atento de esperantistoj. Ili ne multas en Turkio kaj ne havas organizitan E-movadon. Tamen aprile 2010 turkaj geesperantistoj planas organizi jam la 3-an Mezorientan E-renkontiĝon. La antaŭa aprile 2009 kunvenigis pli ol 70 personojn el 15 landoj.


kun Murat sur fono de la ponto trans Bosforo

Iun tagon Murat akompanas min al Taksim, eŭropa urboparto, kie ni vizitas ekspozicion de Ömer Kaleşi, kies pentroarto estas surpriza kaj nekutima en prezento de derviŝoj kaj paŝtistoj. En la sama kvartalo troviĝas konstruaĵo kun belegaj balkonoj, skulptaĵoj kaj pendigitaj grandegaj vazoj kun floroj, kiun aĉetis

kaj restaŭris rusaj elmigrintoj komence de la pasinta jarcento. Nun ĉi tie funkcias luksa restoracio, kiun eblas viziti ankaŭ por rigardi la imponan internon kaj foti. Unuvagona blankruĝa trameto veturigas scivolemajn turistojn tra la kvartalo.

Promenante tra urbo sur ĉiu paŝo oni renkontas "bufedojn" – butiketojn en kiuj oni povas rapide manĝi t.n. surstratan manĝon "djoner", konatan en Rusio kiel "ŝaurma". En Istanbulo oni vendas cent specojn de tiu. Veninte al Turkio eksterlandanoj, ŝatantaj kafon, revas gustumi ĝin kuiritan turkmaniere. La sekreto konsistas en tio, ke oni kuiras kafon el grajnoj tre fajne muelitaj. Post kuirado la kafo estas verŝata al ege malgranda taseto el dika porcelano. Je duono la taseto estas plenigita je feĉo. En kafejo, se oni mendas kafon, la kelnero nepre alportas glason da malvarma akvo, kiun endas eltrinki antaŭe. Ne ofte oni vidas turkojn trinkantajn kafon, ĉar vera nacia trinkaĵo por ili estas teo. En Istanbulo oni trinkas teon el vitra glaseto, kiu havas formon de tulipo. Teo ĉieas: en restoracioj, kafejoj, "bufedoj", oni vendas ĝin surstrate kaj en bazaroj, kaj eĉ dum 15-20-minuta ŝipveturo tra Bosforo. Teo estas grava komunikilo: oni povas proponi al vi teon eĉ en vendejo. Tio ne signifas, ke la vizitanto devas ion aĉeti.


*en la turka banejo*

Kia vizito al Turkio valoras sen sperto pri la fama turka banejo? Laŭ sia efiko de malseka vaporo ĝi iom similas al la rusa. Sed pri ĉio alia – kiom granda estas la diferenco! Dimanĉan matenon mi gastas en la familio de Can (prononcu Ĝan) Zamur. Siatempe li renkontiĝis en Istanbulo kun nia samlandano Aleksandr Blinov, kiun daŭre Can memoras kiel personon bone parolantan la turkan lingvon. La patrino kaj la fratino de Can organizas por mi viziton al la banejo. Ordinara distrikta "hamami", turkstila banejo, ne estas granda kun apartaj (enir)ejoj por viroj kaj por virinoj. Kutime la virina sekcio estas pli malgranda kaj pli modesta, ol la vira. Kahelaj mozaikaĵoj ornamas la vestiblon, la banejon kaj lavabojn ankaŭ. Je dispono de ĉiu vizitant(in)o estas (re)vestiĝkabineto. En ĝi, krom spegulo kaj pendigiloj, staras ligna benko, sur kiu eblas iom ripozeti post la baniĝo. Interne la banejo konsistas el 4 ejoj: unu pli granda encentre – por 8 personoj, aliaj – por 4. Meze de la granda banĉambro situas varma kahela rektangula tablo, sur kiu oni povas kuŝi por varmigi sin. Same sur ĝi banist(in)oj lavas kaj masaĝas klient(in)ojn per abunda sapa ŝaŭmo (kontraŭ aldona pago).

Unu el gravaj vidindaĵoj de Istanbulo estas ponto je la nomo de Atatürk trans Bosforo, kunliganta la eŭropan kaj la azian bordojn de Turkio. Konstruita antaŭ pli ol 30 jaroj, nun la ponto iĝis la simbolo de Istanbulo.

La menciitaj vidindaĵoj ne malkovros ĉiujn sekretojn de la urbo. Venu mem al Istanbulo kaj admiru ĝian paradecon per propraj okuloj. Vizitante Istanbulon, ur-

bon de sentoj kaj de pasio, oni ĝin ekŝatas, kiel oni ŝatas elegantan Parizon, malserenan Londonon, sunan kaj buntan Lisbonon.

***Tatjana Loskutova (Ivanovo)***

## INTERNACIA FESTIVALO

Mi deziras prezenti al vi mian lernantinon kun tuja konfeso, ke inter ŝiaj multaj instruistoj (ŝi lernas – krom la ordinaraj lernejaj objektoj – dancarton, pianludon, kantarton, pentroarton, "ajkido"-n) mi instruis al ŝi nur esperanton. Inga Krejson, 16-jara, estas konata al la partoprenintoj de Tiĥvinaj Esperantistaj Metiejoj (TEM-oj) pro sia kantado kaj dancado surpodie kaj pro la afabla ĉiuvespera deĵorado en la Bardkafejo. TEMoj tre entuziasmigis ŝin, do ŝi venis aŭtune al mia progresiga E-kurso kaj dum duonjaro eltrovadis tempon inter siaj multegaj okupoj por tre efike labori ankaŭ tie.

Laŭ iniciato de Vera Vlasova, profesia muzikistino, instruistino pri piano en la Artlernejo nome de Rimskij-Korsakov, dum la aŭtuno 2009 estis preparita varia koncerta programo, kiun la triopo (Vera, Inga kaj mi) sukcese prezentis dum la 26-a Internacia Festivalo (IF) en Bavario kaj poste kelkloke en Normandio. Dum IF ni varbis en nian teamon riganon Sergeon Sraŝnenko, kiu grave helpis nin kiel la dua gitaristo kaj kantisto en nia programo. Certe, Inga estis la stelo de la koncerta programo; mi opinias, ke nur dank' al ŝia kontribuo la Rusan koncerton kelkaj IF-anoj nomis la plej sukcesa koncerto en la tuta 26-jara historio de IF-oj. Brila ideo de Vera estis tuja kunkantigo de Inga kun la samaĝa Denize, afrika knabino, edukata de germana esperantista familio. La knabinoj sukcesis eksterordinare agordi la voĉojn kaj prezenti ĉarmajn blusojn.

Sube estas prezentita la raporto de Inga pri ŝia unua vojaĝo al eksterlanda Esperantujo. Mi speciale fieras, ke mi ne devis elspezi mian tempon por korektado – nur kelkaj eraretoj estis en ŝia verko.

Necesas nur aldoni al ŝia raporto, ke la 26-a Internacia Festivalo kun kadra temo "Fabeloj" kaj kun ĉ. 150 partoprenantoj el 21 landoj brile funkciis inter la 27-a de decembro 2009 kaj la 3-a de januaro 2010. Krom laŭtemaj prelegoj pri fratoj Grimm, Charles Perrault, Ivan la Stultulo, dagestanaj fabeloj k.a. okazis aliaj elstaraj eventoj: la tradicia Vintra Universitato kun prelegoj pri astronomio, matematiko, kemio,



*Inga, Mikaelo kaj Denize*

interesega prelego de Ulrich Brandenburg pri la situacio en Afganio, multaj ekskursoj, prezentadoj ktp. Pro nia provluda okupateco ni sukcesis partopreni ne multon el tio – jen la sola bedaŭrindaĵo de nia vojaĝo.

Ĉi-jare Inga finas la mezlernejajn studojn kaj devas elekti sian vojon en la vivo. Mi deziru al ŝi trafan elekton kaj brilajn sukcesojn sur tiu vojo.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## MIA VINTRA VOJAĜO

Antaŭ ekveturo ni elspezis multe da fortoj, tempo kaj nervoj por prepari niajn koncertojn, kiuj, finfine, pasis ne malbone. Kaj en Germanio, kaj en Francio publiko kore akceptis nin, atente aŭskultis, partoprenis kun ni...

Oni bezonas, eble, komenci de la komenco, por almenaŭ iel ordigi la pensojn.

Internacia Festivalo ĉi-jare okazis en Nördlingen. Ni alvenis tien la 26-an de decembro, vespere. HDP (Hans-Dieter Platz, la organizanto de IF) kaj Liba Gabalda el Francio akceptis nin. Kaj tuj, kiam mi ekvidis ilin, mi komprenis, ke homoj, kiujn mi ekvidos kaj ekkonos morgaŭ, estos same bonaj, interesaj, pretaj ĉiam helpi al ni.

Do, ni alveturis tien la 26-an, sed IF estis komenciĝonta la 27-an, pro tio la 27-an matene ni havis tempon por rigardi kaj ekkoni la urbon.

Tiu bela, fabela kaj pupa urbeto estis absolute malplena: neniun ni vidis en la stratoj; ankaŭ la magazenoj kun pano, vestaĵoj kaj helaj vitrinoj de suveniroj estis fermitaj. Kaj iomete mi pensis, ke ial ĉiuj homoj forlasis la urbon. La stratoj estis malplenaj kaj trankvilaj, diference de ni mem, ĉar nin atendis multe da diversaj renkontoj, impresoj, sentoj... Kaj mi sentis agrablan maltrankvilon. Tamen tuj post la unua vespera koncerto mi komprenis, ke mi tute ne devas maltrankviliĝi. La homoj estis tiomgrade afablaj...

Ĉiutage estis diversaj prelegoj, kie oni povis ekscii tre multe da novaĵoj kaj interesaĵoj, sed poste, je la 8-a komenciĝis la Vesperoj: Interkona, Dagestana, Rusa, Zamenhofa, Israela kaj Internacia.

La plej gravan nian koncerton en Germanio – la Rusan vesperon ni tre longe preparis: ni devis lerni multe da tekstoj, fari koruson el niaj diversaj voĉoj, prepari tradukojn kaj kostumojn, organizi provludojn... Kaj certe, antaŭ la koncerto ni tre klopodis kaj deziris, ke ĝi plaĉu al la homoj, kaj, laŭ mia opinio, ĉio



*la Rusa Vespero dum IF*

estis sukcesa. La plej ĉefa por mi estas, ke la koncerto pasis bone, kaj ke ni sukcesis iomete levi la humoron de la homoj.



Pri mi mem mi povas diri, ke preskaŭ ĉiuj miaj rememoroj estas ligitaj kun tiuj vesperoj, kie mi ne malmulte eksciis pri tradicioj kaj historioj de diversaj landoj kaj krom tio konatiĝis kun multaj interesaj homoj.

Estis kelkaj lecionoj de mazurko, kiun ni dancis en unu el plej memorindaj vesperoj – la Novjara vespero.

Ankaŭ estis rimarkindaj kaj bongustaj la manĝoj dum IF, en unu granda amika kompanio, neordinara atmosfero. Ĉio ĉi faris la unuan mian restadon en IF neforgesebla. Mi ricevis multe da pozitivaj emocioj kaj helaj rememoroj.

Tamen en Francio ni havis pli malmulte da libera tempo: preskaŭ ĉiutage okazis koncertoj – en liceoj, infanĝardeno, rezidejo de maljunuloj, en kafejo. Sed tie ni loĝis ne kune, ne en la sama domo, kaj mankis ebleco provludi. Krom tio, falis tre multe da neĝo, pro tio aperis malgrandaj problemoj pri veturado de loko al loko. Sed ĉio ĉi ne malhelpis nin ricevi agrablajn impresojn, renkontiĝi kun amikoj, konatiĝi kun novaj esperantistoj, kaj, certe, bone koncerti.

Plaĉis al mi tre la koncerto en infanĝardeno. La infanoj atente aŭskultis, ludis kun ni, kantis kun ni. Eĉ post nia koncerto ili montris al ni sian kolekton de rusaj aĵoj: suveniroj kaj diversaj libroj.

Nia plej granda kaj respondeca koncerto en Francio okazis en la kafejo “Des Images”. Estis rusa vespero: komence estis prezentita la rusa kuirarto – rusa vespermanĝo (ĉio estis tre bongusta, sed la manĝajo estis duone rusa, duone franca; rusa recepto, francaj kuiristoj, kaj oni povis manĝi sen fino!). Do poste oni spektis la rusan filmon “Staruĥi” (Maljunulinoj). La filmo, laŭ mia opinio, estas tre sincera, ĉar tie oni montras la vivon de la rusaj homoj, la karakterojn de rusoj... Kaj post ĉio ĉi okazis nia koncerto.

Venontan matenon ni forveturis en Parizon, kie ni estis dum 2 tagoj kaj plejparte promenadis kaj ekskursis: vidis Ejfelan turon, vizitis Luvron, Monmartron. La vetero ne estis tre nekutima por ni, kaj, malgraŭ ke estis sensune, la vintra Parizo ankaŭ plaĉis al mi.

Do, ĝenerale mi rajtas diri, ke preskaŭ ĉio pasis bone, eĉ ne tiel, kiel ni planis... Pli bone... Multe da rememoroj kaj impresoj... Sufiĉos por mi ĝis la sekvanta vintro...

***Inga Krejson (Tiĥvin)***

# ERAO DE SILENTO

*inspirita de Internacia Festivalo 2009/2010 en Germanio*

Triflugilaj mueliloj disŝiras saturitan de aŭrora suno aeron, kaj tiu per oraj gutoj falas sur la verdajn, malgraŭ la vintro, montojn kaj kampojn de Bavario, iom kovritajn de neĝo, kvazaŭ per sukero. La mondo festis Novan jaron kaj pace dormetas, vidante sonĝojn. Homoj ĉe la stacidomo kaj en la trajnoj estas malmultaj, sed ili, kiel ĉio ĉirkaŭe, ĉi tagon estas helaj kaj plenaj de kvietaj rememoroj.

Mi staras en la stacidomo, duonfermas la okulojn pro penetranta tra fenestron lumo, ridetante, por ne sopiri – mi forveturas post Internacia Festivalo, kie al mi estis tre bone. Malgranda mi, grandega valizo kaj teo, kunpremita en la manplatetoj, verŝajne, estas ridinda vidaĵo, ĉar al mi neatendite venas, apoganta sin je bastono, tute olda germano kaj komencas, salute ridetante, min pririgardi. Mi ridetas responde, kaj li komencas ion demandi. Mi ne komprenas la germanan lingvon, bedaŭras, ke li ne komprenas Esperanton, al kiu mi tiel kutimiĝis dum tiu ĉi semajno. Ni transiras al la granda lingvo de gestoj. Li demandas, de kie mi venas. “Raŝa, Ra-ŝa”, – respondas mi, la germano kapneas per la grizhara kapo, ne komprenas. Ektiminte, ke li ofendiĝos kaj foriros, kaj mi malŝatas perdi jen tiajn renkontojn, mi senespere diras: “Nu Raŝa, Rossija”. “Rossija”, – vizaĝo de la maljunulo iĝas nostalgia, sed kun rideto, kaj li iom pli serioze rigardas min de la piedoj ĝis la kapo. “Rossija… Mi ja militis kontraŭ via lando, jes, militis... Kaj en Pollando...” – kun malfacilo li rememoras rusajn vortojn, kvazaŭ kaptas ilin en la plenigita de suno novjara aero. “Estis rusa junulino... Ŝi diris... diris... Ja tebja niko-gda nje za-bu-du”, – eksilentas li kaj ridetas, rigardante al la plafono de la stacidomo. “Ja tebja ni-kog-da nje za-bu-du”. Poste li denove ridetas, apogante sin al la bastono, malrapide foriras kaj malaperas en la blindiga suno de la strato.



Malgranda destino sidas sur mia manplato. Ridetas kaj ploras samtempe. La unuan fojojn en la vivo mi tiel brile komprenas la tutan absurdon de la militoj kaj politikoj. Kaj la homa destino, same vera, kiel la suno – jen ĝi estas, en la sola tiu ĉi renkonto. Kaj ankoraŭ en tio, kiel hieraŭ, kun ĝoja preteco en la komuna rondo dancis “hava-nagila”-n kaj “lezginka”-n homoj el Germanio kaj Israelo, Latvio kaj Rusio, Dagestano kaj Ameriko. Kiam ektemas pri la realaj homoj, ien senspure malaperas malŝato inter la popoloj, religioj kaj movadoj. Kaj ne estas malfacile klarigi, kial. Se mi reale havas ne altruditan, sed de mi akceptitan kaj travivitan Patrujon, Kredon, Fabelon, Moralon – mi facile komprenos, ke ilin havas ankaŭ

alia homo, la proprajn, sed ne malpli verajn. Ni tro alkutimiĝis al milito, al trudita al ni volo defendi nin kaj defendi la aliajn. Kaj jen, multaj miaj samaĝuloj jam denove, la centan fojon erarante, kredas, ke la mondo iĝos perfekta, se ni estos tie la plej fortaj. Kaj la patrujo estos – se la tuta mondo estimos kaj timos ĝin.

Kun indigno ili parolas pri la kosmopolitismo kaj Esperanto. Kiel pri volo asimili la tutan mondon, altrudi al ĝi unu kredon kaj kulturon. Kaj ili ne vidas la plej gravan, ke ne ekzistas feliĉa mondo tie, kie oni iun egaligis al iu. Feliĉa mondo estas nur tie, kie ĉiu homo elektis por si ion propran, akceptis kaj pleniĝis per ĝi, vivas per ĝi, kie ĉiu homo havas propran stilon kaj propran feliĉon. Kie ne estas similaj homoj. Sed ĉiu alia homo jam scipovas tion akcepti. La mondo ne havas solan veron, la solan veron havas nur ĉiu el ni, kaj pro tio la mondo estas senfina – senfine belega.

Kun indigno miaj samaĝuloj diras, ke ni perdas nian Patrujon. Sed ili ne memoras ĝiajn kantojn, ne dancas ĝiajn dancojn, ne rakontas ĝiajn fabelojn. Kaj tre baldaŭ ili havos nenion por perdi kaj defendi. Sed malfermiĝinte al la mondo, vi nepre ekdeziros rakonti pri la Patrujo, kaj nur tiam vi rememoros, kia ĝi estas vere belega, kaj la aliaj ekamos ĝin, kiel oni amas sorĉajn fabelojn.




Ni kredas, ke ĉirkaŭe loĝas niaj malamikoj, ke ekzistas malbonaj homoj, ke ĉiuj, kiuj ne estas similaj al ni, ekstere aŭ interne, apriore malpravas. Sed sufiĉas ekvidi malantaŭ la nesimileco kaj malamikeco la vivan homon, kaj tiu ĉi ŝirmo falas de la okuloj. “Jes, ni militis kontraŭ vi”. “Ŝi diris: Mi neniam vin forgesos”. Ni devas ĉesi esti ĉion timantaj erinacetoj, kiuj, aŭdante ĉiun sonon, volviĝas je pika bulo. Ni bezonas simple ekvidi la mondon en la tuta ĝia malsimileco.

Ni tiom multe parolis pri tio, ke apero de Interreto malfermos antaŭ la homaro novan eraon de evoluo, parolis pri foriro al la virtuala realeco kaj pri la forgeso de la reala vivo. Oni ne parolis nur pri tio, ke Interreto helpos al ni, komunikante kun la malsimilaj al ni en ĉio homoj, kompreni, ke ni ne havas malamikojn, ke ni ĉiuj estas malsimilaj kaj en sia malsimileco ĉiuj laŭ si estas belegaj. Ke Interreto helpos al ni kompreni absurdecon de politiko kaj militoj kaj veran grandecon de la malgranda aludo, ridetanta en la plenigita de lumo stacidomo. La grandecon, egalan al la grandeco de la mondo mem.



Ni bezonos multe da tempo por kompreni valoron de ĉiu homo, kiu ne timas esti si mem. Ni bezonos multe da kuraĝo por ĉesi altrudi nian veron. Ni bezonos multe da fantazio por ekkredi al la fremdaj veroj. Ni bezonos multe da kulturoj por pli klare ekscii la propran. Ni bezonos unu lingvon por provi kompreni unu la alian. Ni bezonos ĉesi disputi. Ni bezonos akcepti la mondon de homoj en ĝia senfino. Ni bezonos eksilenti kaj pensi. Kaj nur tiam komenciĝos nova, malbrua malrapida erao, erao apartenanta al ĉiu kaj al ĉiuj, erao de silento. Triflugilaj mueliloj disŝiras saturitan de la aŭrora suno aeron, kaj tiu per oraj gutoj falas sur la verdajn, malgraŭ la vintro, montojn kaj kampojn de Bavario, iom kovritajn de neĝo, kvazaŭ per sukero. La mondo festis Novan jaron kaj pace dormetas, vidante sonĝojn. Kaj vidas sonĝojn milionoj da malsimilaj homoj, milionoj da malsimilaj universoj, kiuj iam, ne kuniĝintaj plu je abundo de movadoj kaj grupoj, ekbrilos kaj ekbrilos per milionoj da diverskoloraj sunoj.

***Anna Striganova (Moskvo)***

*La artikolon eblas komenti ĉe <http://fabelo.trovu.com>.*

## ITALA ESPERANTO-KONGRESO

***june (nur 100-jare), sune, kune***

Itala Esperanto-Federacio iĝas centjara. Jen estas kialo por partopreni ĝian kongreson, kiu pasos ekde la 21-a de aŭgusto 2010, kaj konstati kiom ĝi estas juna.

Pri la suno ne estas problemo. Ĝi daŭre brilas super la strandoj inter Venecio kaj Triesto, kie oni kongresos (precize en Lignano Sabbiadoro). La kuneco rezultas el la fakto, ke Kubo estas malproksima, sed Venecio proksima. Pro seminario de Eŭropa Esperanto-Unio, financota de la Eŭropa Komunumo, multaj eŭropaj esperantistoj jam antaŭanoncis sian ĉeeston.

Konataj artistoj dancigos vin kaj la lokan publikon. Pensu pri Jomo aŭ pri Mikaelo Bronŝtejn. Kaŝe vi ankaŭ povus forŝteliĝi de la prelegoj kaj iri al la strando. Ni certe ne informos la prelegantojn. Rigardu la detalojn en <http://italakongreso.esperantoitalia.it/> kaj aliĝu senhezite. Vi rajtas donaci ion al vi de tempo al tempo. Informojn petu ĉe <fei@esperanto.it>.

***LKK***

## AKTUALAJ INFORMOJ DE LA ESTRARO KAJ KONSILIO

La Estararo de REU preparis kaj la Konsilio aprobis la buĝeton de REU por 2010. Ĝi troveblas ĉe la adreso <http://reu.ru/movado/bugxeto2010.html> (necesas registriĝi ĉe la paĝaro).

Dank' al la komisiito pri financaj aferoj Valerij Sipoviĉ REU ekhavis novan bankan konton en la filio de la banko "Trado-BANK" en la urbo Krasnogorsk (Moskva regiono).

La dua informilo pri la 26-a Rusia Esperantista Kongreso, okazonta en Sankt-Peterburg, estas elŝutebla en rar-formato en la retejo de REU ĉe la adreso <http://www.reu.ru/index.php?evento=REK-26>.

REU ekhavis oficejon en Moskvo apud la metrostacio "Aleksejevskaja". Okaze de tio malnova poŝta adreso (p/k 57) ne plu validas. La nova adreso estas: *Grafskij per. 12-A, str. 2; 129626, Moskva.* Pri la deĵorhoroj en REU-oficejo eblas ekscii de la Estraro telefone (+7-495-9726300) aŭ rete <esperanto@reu.ru>.

## UNIVERSALA KONGRESO EN HANOJO EN 2012

La elekto de Hanojo kiel la urbo de la 97-a Universala Kongreso de Esperanto en 2012 estis la plej rimarkinda decido de la Estraro de UEA, kiu kunsidis en sia plena konsisto en la Centra Oficejo ekde la 10-a ĝis la 12-a de januaro. Ĝis la lasta momento ankaŭ la korea urbo Busan konkursis, kun alloga oferto, pri la rajto okazigi la Kongreson, sed post longa diskuto la Estraro decidis favore al la vjetnama ĉefurbo. La Esperanto-movado de Vjetnamio havas jam longan historion, sed la Universalan Kongreson ĝi gastigos por la unua fojo.

La nuna Estraro kunsidos ankoraŭ komence de la ĉi-jara UK en Havano, kie ĝi tamen traktos nur lastajn teknikajn detalojn de la kongresa programo. Kutime la Estraro havas plenkunsidon en Roterdamo en marto-aprilo, sed ĉi-foje la kunsido estis plifruigita kaj okazis tuj post la ceremonio por la publikigo de festlibro por Humphrey Tonkin. La tradicia printempa kunsido fariĝis do vintra. La estraranoj devos ankoraŭ trakti kaj decidi pri multaj aferoj rete, ĉar pro la frua kunsidodato ekz. la financaj dokumentoj ne povis jam esti pretaj. Tio lasis al la estraranoj pli da tempo por interŝanĝi ideojn interalie pri la nun okazanta diskuto pri nova strategia plano por UEA. Tiurilate ili atendas multe pli da aktiveco de la komitatanoj, sed ili klopodos pli vaste altiri ankaŭ membrojn kaj aliajn esperantistojn en la diskuton pri tiu dokumento, kiu devus difini la plej irindan vojon por UEA dum la venontaj jaroj.

Kun Stefan MacGill, prezidanto de ILEI kaj ĝia observanto ĉe la Estraro de UEA, oni parolis pri la plua evoluigo de la instrua agado. La Estraro gratulis ILEI pro la sentebla pliviglîĝo de ĝia agado post la pasintjara konferenco. Kun granda

kontento oni notis la bonan starton de la Esperanto-ekzamenoj laŭ la normoj de la Eŭropa Referenckadro. Pri tio raportis Katalin Kovats el <edukado.net>, membro de la UEA-komisiono pri la novtipaj ekzamenoj. Por fina aprobo de la Komitato oni sendos proponon pri ĝisdatigaj modifoj en la interkonsento inter UEA kaj ILEI pri la instrua agado. La interkonsento estis aprobita en la UK en Havano en 1990 kaj estos do reviziita en la dua Havana UK. La propono estis jam aprobita de la estraro de ILEI, kies komitato traktos ĝin en la ILEI-konferenco en Matanzas.

Por la nova serio de elstaraj sciencaj verkoj, "Scienca Penso", en kiu jam aperis *La origino de specioj* de Darvino, la Estraro aprobis regularon kaj envicigis por aperigo kiel ĝia dua titolo la verkon *Lingvo kaj menso* de la fama lingvisto Noam Chomsky. Kiel observanto de TEJO partoprenis la kunsidon la nuna TEJO-volontulo Alexandre Baudry, kiu raportis i.a. pri la baldaŭa apero de la eldono por 2010 de la listo de gastigantoj de la Pasporta Servo kaj pri la planata grafika re-formo de la revuo *Kontakto*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## REU-MEMBROJ POR 2010

**DUMVIVAJ MEMBROJ**

*Aĥmet Gulnara (Kazaĥio), Andrjuŝkin Igorj (Moskvo), Aroloviĉ Viktor (Moskvo), Belov Aleksandr (Leningrada reg.), Berdiŝev Viljam (Moskvo), Bojĉin Jevgenij (Hebrea aŭtonoma regiono), Bronov Sergej (Krasnojarsk), Ciganov Oleg (Sankt-Peterburg), Cobb Steve (Moskvo), Cvetkova Valerija (Sankt-Peterburg), Ĉerenk-ova Larisa (Rjazana reg.), Ĉertilov Miĥail (Moskva reg.), Derevjanniĥ Sergej (Moskva reg.), Diesjatz (San Marino), Gluĥov Aleksandr (Kaliningrad), Gluŝik Vladimir (Ukrainio), Gnedaŝ Nikolaj (Krasnodara reg.), Gonĉarova Irina (Moskva reg.), Grigorenko Vasilij (Ukrainio), Griŝin Nikolaj (Latvio), Gudskov Nikolaj (Moskvo), Jakovlev Jurij (Pskova reg.), Ĵuravljov Aleksej (Krasnojarsk), Karcev Jurij (Uljanovsk), Kauc Valdemar (Estonio), Kokolija Georgij (Moskvo), Kolganov Andrej (Usono), Kolker Boris (Usono), Kozin Igorj (Vologda), Kurolap Zinovij (Kanado), Kuznecov Sergej (Moskvo), Laskina Marina (Tula reg.), Lipec Vladimir (Moskvo), Manjaĥin Jurij (Moskvo), Medvedev Lev (Moskvo), Melnikov Valentin (Moskvo), Miĥajlov Nikolaj (Leningrada reg.), Paseĉnikov Jurij (Tomsk), Pikov Gennadij (Novosibirsk), Pogorelaja Svetlana (Ukrainio), Roganova Rimma (Perma reg.), Salomatov Aleksej (Moskvo), Sapoĵnikov Aleksandr (Ivanova reg.), Seguru Valentin (Moskva reg.), Sidorov Anatolij (Sankt-Peterburg), Ŝapoŝnikova Larisa (Arĥangeljsk), Tjuljaĥov Spartak (Jakutio), Tujakin Georgij (Moskvo), Vo-loŝin Vjaĉeslav (Ulan-Ude), Vulfoviĉ Lev (Germanio), Zozulja Boris (Rostov-na-Donu)*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Alikin Viktor (Permj), Boljŝakov Roman (Moskvo), Borŝĉevskij Ivan (Stavropola reg.), Bronŝtejn Mikaelo (Tiĥvin), Burgar Lilija (Volgodonsk), Ĉerneckij Nikolaj (Jaroslavla reg.), Ĉupin Bronislav (Iĵevsk), Edeljŝtejn Vladimir (Moskvo), Goldo-bina Valentina (Gelenĝik), Ivanov Vjaĉeslav (Sankt-Peterburg), Jaroŝenko Jelena*

*(Volgodonsk), Kandalinskij Viktor (Tiĥvin), Kivajev Jurij (Mari-El), Kolodin Miĥail (Sankt-Peterburg), Kondratjev Boris (Sankt-Peterburg), Konjaŝova Svetlana (Ĥabarovska reg.), Korĉagin Vladimir (Moskvo), Kotljarov Stanislav (Sverdlovska reg.), Kudrjavcev Viktor (Jekaterinburg), Kulakova Irina (Moskvo), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Loŝmanov Anton (Komsomoljsk-na-Amure), Minin Vladimir (Tomsk), Mitin Aleksandr (Niĵnij Novgorod), Neĉaev Nikolaj (Irkutsk), Opletajev Vladimir (Surgut), Pautova Tatjana (Sankt-Peterburg), Pospíšil Jan (Ĉeĥio), Puŝkarjov Valentin (Jekaterinburg), Rezniĉenko Aleksandr (Krasnodara reg.), Rjazancev Andrej (Murmansk), Roĵdestvenskij Vjaĉeslav (Ĉeljabinsk), Samodaj Vladimir (Moskvo), Strelec Sergej (Ĉeljabinsk), Sudakov Vladimir (Soĉi), Surnakin Anatolij (Moskvo), Ŝevĉenko Aleksandr (Moskvo), Tarĥan Ermita (Moskvo), Terentjeva Galina (Ĉeljabinsk), Terjoĥin Vladimir (Jekaterinburg)*

**FAMILIAJ MEMBROJ**

*Guseva Natalja (Sankt-Peterburg), Kudrjavceva Rafija (Jekaterinburg), Mironova Irina (Moskvo), Ŝevĉenko Jelena (Moskvo), Terentjev Nikolaj (Ĉeljabinsk)*

**ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ**

**EK "Verda fajreto" (Ĉusovoj)** (5 membroj): *Djakova Tatjana, Jeljŝina Marija, Kerner Lilija, Sidorova Nadeĵda, Volnuĥina Jekaterina*

**Jekaterinburga EK "Arĝenta flamo"** (5 membroj): la listo dume mankas

**Krasnodara Esperanto-klubo** (20 membroj): *Alimov Artjom, Bondarenko Galina, Bondarenko Julija, Celikova Nina, Ĉinĉenko Anatolij, Ĉinĉenko Marija, Dmitrijeva Marija, Ĥomiĉ Edgard, Ivasenko Anatolij, Jabĉinskij Anton, Jefimenko Miĥail, Kocarj Marina, Kuriloviĉ Ivan, Maljcev Sergej, Paveljev Gennadij, Popova Svetlana, Simonov Igorj, Ŝelistov Vladimir, Ŝelistova Jevgenija, Taran Aleksandra*

**Murmanska E-klubo "Murmano"** (7 membroj): *Fukuŝima Rumi, Goriĉenko Oljga, Koljada Nadeĵda, Makarov Aleksej, Podmajsterec Vasilij, Poĵilova Ljudmila, Trubkina Nelli*

**Societo "Espero" (Sankt-Peterburg)** (21 membroj): *Artemjeva Tatjana, Beljajeva Oljga, Budrin Vladimir, Butkeviĉ Anna, Celaritskaja Natalja, Ĥoreva Valentina, Ionova Irina, Iovlev Aleksandr, Jemeljanenko Ljudmila, Kravĉenko Valentina, Krogius Nina, Kuleŝova Nadeĵda, Maliŝeva Jekaterina, Muranova Oljga, Murzina Jevgenija, Nogajeva Margarita, Poloĵenskaja Ljudmila, Savenok Valentina, Skaruk Natalja, Skvorcova Natalja, Stacenko Ljudmila*

**Tjumena Esperanto-klubo "Revo"** (12 membroj): *Aleksandrova Irina, Baklickaja Ksenija, Dvornikov Aleksej, Golovkina Anastasija, Itpekova Marina, Kalaŝnikov Aleksandr, Mamkin Mansur, Sokolovskij Nikolaj, Stepaĉova Marina, Veselov Pavel, Veselova Tatjana, Voloĵanin Andrej*

Plena aktuala listo de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/index.php?dok=membrolisto>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2010

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 180 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 18 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 4500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 450 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 60 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM). La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj aŭ dumvivaj membroj.

**Subtenkotizoj** (ĉio la sama kiel por la individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 60 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

DANKON al donacintoj el Sankt-Peterburg por Kongresa Fondaĵo – Valerija Cvetkova, Jekaterina Maliŝeva kaj Anatolo Sidorov!

**Rabatita abono de REGo** – 300 rub. (ekster Rusio – 18 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область**; aŭ uzu aliajn pagmanierojn listigitajn ĉe <http://reu.ru>. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## NOVAĴOJ EL ULJANOVSK

**La 21-an de novembro** niaj klubanoj Jekaterina Ĵuravljova kaj Dmitrij Ĉumakov geedziĝis. Feliĉon al vi, karaj! La varmo de viaj koroj gardu vin!

**La 26-an de novembro** Jelena Tubalec kaj Sergej Abramov sub E-flago partoprenis sportan kuradon, dediĉitan al inaŭguro de la nova ponto en Uljanovsk.

**Decembre** naskiĝis Maŝenjka Grebeŝĉenko kaj Aljoŝa Semjonov. Niajn gratulojn al Irina kaj Maksim, Jelena kaj Dmitrij! Estu viaj infanoj sanaj kaj bonfartaj!

**La 24-an de decembro** nia kluba laboro estis filmita de loka ŝtata televida studio, kaj tiu ĉi programero estis montrita la 11-an kaj la 17-an de januaro.



**La 27-an de decembro** 13 uljanovskanoj ree vizitis siajn samideanojn en Dimitrovgrad por festi la Novan jaron. Ambaŭ kluboj preparis gajajn programerojn: teatraĵetojn, ludojn, kantojn. Klubaninoj de la loka klubo "Verda suno" prezentis vestaĵojn el bombonaj kovriloj, "kudritajn" de Tatjana Ilutkina. Okazis maskobalo kun gajaj dancoj. La plej belan maskoveston havis Ajgul Vildanova.

**La 4-an de januaro** kelkaj klubanoj vizitis unu el niaj plej maljunaj esperantistoj Aleksandr Bikov, kiu ne povis kiel kutime partopreni nian novjaran kluban renkontiĝon. Ni festis kune hejme.

**La 5-an de januaro** okazis festado en Uljanovsk, kiun partoprenis ankaŭ du dimitrovgradanoj. La programo nomiĝis "Novjaraj surprizoj", ĉar ĉiu devis prepari ian surprizon. Inter ili estis du teatraĵetoj, surscenigitaj de Tatjana Ilutkina kaj Jelena Tubalec: la unua – pere de klubanoj, la dua – per pupoj.

Alloga surprizo estis Vasilij Januŝevskij, kiu refoje kantis por ni kaj kun ni. Sergej Abramov deklamis fablon de I.Krilov, Galina Aleksejeva gvidis ludojn. Ĉeestis nia eksa klubano Jegor Lazarev, kiu ree ekloĝis en nia urbo. Ankaŭ tio estis agrabla surprizo.

Jam du novaj "dancoj por ĉiu-aĝaj esperantistoj", elpensitaj en nia klubo, plezurigis dancantojn. Surloke restis preskaŭ neniu. (Nur la tro serioza Yuka!)



La fina surprizo estis "komuna fabelo", gvidata de Jurij Karcev. Ĝin partoprenis ĉiuj, kiuj deziris festi Novan jaron en nia klubo.

**La 7-an de januaro** tradicie akceptis gastojn familio de Jelena kaj Jurij Karcev.

**La 10-an de januaro** la klubanoj spektis la francan filmon "La belega verda", kiun montris laŭ nia peto la urba kinejo "Lumière". Ni esperas, ke nia estonta kunlaboro ankaŭ povos esti fruktodona.

**Ĉiuĵaŭde kaj ĉiudimanĉe** ni kunvenas en la klubejo. Ĵaŭde ni aŭskultas legolibron pri Robinsono Kruso en plenumado de Andrej Grigorjevskij, kaj dimanĉe novuloj kaj malnovuloj studas la lingvon. Do, la kluba vivo daŭras!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## 95-a UK: FRANCIO UNUALOKE

Ĝis la 31-a de januaro 525 kongresanoj el 51 landoj estis registritaj kiel aliĝintoj al la 95-a Universala Kongreso en Havano (17-24 julio 2010). Ĉar tiu nombro ankoraŭ ne inkluzivas la kubanojn, kiuj aliĝis pere de LKK, la unuan lokon tenas Francio kun 66 aliĝintoj. Japanio liveris 55 aliĝintojn kaj Germanio – 50. La aliaj landoj kun pli ol 10 aliĝintoj estas Brazilo (37), Italio kaj Nederlando (po 24), Pollando (18), Britio (16), Danio (15), Kubo (14), Kroatio (13), Belgio, Kanado kaj Meksiko (po 12), Bulgario (11).

***(uea-membroj)***

## LA 16-A KONGRESO DE UkrEA

La 12-an – 13-an de decembro 2009 en la ĉefurbo de Ukrainio Kievo okazis la vica, 16-a raport-reelekta Kongreso de Ukrainia E-Asocio (UkrEA). Ĝi komenciĝis en kutima por ĝi iom streĉa atmosfero, sed, kio estas tre grava, fine troviĝis kompromisoj por ĉiuj problemoj. Estis aŭskultitaj raportoj de la Prezidio pri ties laboro dum la pasinta trijara periodo (ne ĉeestis la Vicprezidanto S.Fedotova, kiu troviĝis en hospitalo, kaj la Ĝenerala sekretario A.Krasuckij, kies raporto estis voĉigita de M.Mamedov), post kio komenciĝis tre vigla kaj fruktodona diskuto kun multaj konkretaj proponoj por la nova estraro, kiel plibonigi la staton de la ukrainia movado. La Kongreso dankis la Prezidion pro la laboro, tamen, konsiderante la stagnan staton de la ukrainia E-movado, decidis pritaksi ties laboron nekontentiga.

Al la kandidatoj por la Prezidanta posteno oni sugestis pritaksi sin laŭ proponitaj de M.Lineckij kriterioj: *deziro*, *povo* kaj *scipovo*. Okazis sufiĉe vigla pridiskuto de la kandidatoj. Rezulte por posteno de la Prezidanto estis elektita E-aktivulo kun 40-jara E-staĝo Mikaelo Lineckij. En la Prezidion anas: Niko Vološin – la

Vicprezidanto, Eŭgenia Slovaĉevskaja – la Ĝenerala sekretario, membroj: Volodimir Hordijenko – kluba laboro, Jefim Zajdman – arta direkto. Estis kreita informeldona grupo, konsistanta el N.Vološin, A.Griŝĉenko, D.Cibulevskij (la lasta nun ne estas membro de UkrEA, sed konsentis kunlabori) kaj A.Jankovskij. Unu el la decidoj de la Kongreso estis okazigi la reelektan Kongreson ĉiujare. Laŭ propono de M.Lineckij estis akceptita decido fari konstanta membro de la Prezidio la unuan Prezidanton de UkrEA, A-komitatanon de UEA Eŭgenon Kovtonjuk.

Dum kunsido de ULEI (Ukrainia Ligo de E-Instruistoj) komence estis same streĉa diskuto, kiu solviĝis kompromise – por unujara periodo kiel la estro de ULEI estis elektita V.Hordijenko kun la 7-persona komitato. Kiel unuajn pozitivajn ŝanĝojn necesas rimarki, ke membraro de ULEI kreskis de 9 ĝis 35 personoj kaj plenumis siajn promesojn Vladimir kaj Jurij Soroka membriĝi al UkrEA post ekgvido de la Asocio fare de M.Lineckij.

Pro nesufiĉa tempo estis propono de la nova Prezidanto organizi 6-7.03.2010 aldonan aranĝon – MoRo-1 (Marta Renkontiĝo), dum kiu okazos malfermita Prezidia kunveno, ULEI-cerbumosturmo kaj Foiro de ideoj.

***Eŭgenia Slovaĉevskaja, la Ĝenerala sekretario de UkrEA***

## ZAMENHOF-FESTO DE ESPERANTO-LIGO EN ISRAELO

La Zamenhofa Festo, kiu samtempe estis landa kunveno de ELI, okazis 21.12.2009 en la Tel-Aviva kulturdomo ZOA, perfekte taŭga por la festado de la 150-jara datreveno Zamenhof, kun pli ol kvindek partoprenantoj.

Kadre de la Ĝenerala Jarkunveno de ELI la prezidanto Amri Wandel raportis pri la jara agado kaj aparte elstarigis la partoprenon de ELI en la Internacia Librofoiro de Jerusalemo en februaro kaj la sukcesan 10-an komuan E-semajnfinon (KIES) en oktobro. Raportis ankaŭ la kasisto de ELI Josef Shemer kaj la ĉefdelegito de UEA Jehoŝua Tilleman. Okazis libera debato kaj baloto por la nova Estraro de ELI.

Sed la plej interesa kaj memorinda parto de la vespero estis la solena Zamenhof-Festo, kiu inkluzivis:

1. belegan filmon pri la jerusalema rusdevena Esperanto-poeto Mikaelo Giŝpling, profesie preparita de Gian Piero Savio (videbla en Jutubo en du partoj – <http://www.youtube.com/watch?v=OguWxWO4KIU> kaj <ttp://www.youtube.com/watch?v

### Saĝa juda edzino

Tio okazis en malgranda israela urbo. La urbestro kaj lia edzino preterpasis konstruatan domon, ĉe kiu staris grupo da masonistoj.

Unu el ili kriis al la edzino de la urbestro: "Hej, Sara, kiel vi fartas?"

Respondis ŝi: "Tre bone, Avi. Mi ĝojas vidi vin denove." Kaj ŝi prezentis la viron al sia edzo.

Kiam ili plu iris, demandis la edzo: "De kie vi konas lin?"

Edzino: "Ni lernis en la sama klaso. Tiam mi eĉ deziris edziniĝi al li."

Edzo (ridetanta): "Nu, ĉu vi vidas kiom bonŝanca vi estas? Se mi ne estus aperinta tiam, vi estus hodiaŭ edzino de masonisto!"

Edzino (senhezite): "Ne vere: se mi edziniĝus al li, li nuntempe estus urbestro!"

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

=TZekBK7ckTc>;

2. interesan prelegon en flua kaj riĉa Esperanto de prof. Itamar Even-Zohar (emerita profesoro de la Universitato de Tel-Avivo; esperantisto ekde 1953) pri la speciala personeco kaj unikaj kapabloj de d-ro Zamenhof, kiuj helpis al li disvastigi la lingvon kaj direkti la movadon dum ĝiaj unuaj du jardekoj;

3. hebrelingvan prelegeton de Josef Shemer pri la "Unua Libro" de Esperanto verkita de Zamenhof en 1887;

4. multajn artajn kaj muzikajn programerojn.

***Amri Wandel (Israelo)***

## ZAMENHOF-TAGA SIMPOZIO EN NOVJORKO

En la Zamenhof-tago, la 15-an de decembro, la Oficejo de UEA en Novjorko gastigis simpozion por festi la 150-an datrevenon de L.L.Zamenhof. Ĉeestis sepdeko da homoj, i.a. la ambasadoro de Benino ĉe UN Jean Francis Zinsou, ĵurnalistoj, membroj de aliaj neregistaraj organizaĵoj kaj regionaj esperantistoj. La pola ambasadoro ĉe UN Andrzej Towpik sendis salutmesaĝon.

En la programo estis kvin prelegoj. Esther Schor, poetino kaj profesorino ĉe la Universitato Princeton, parolis pri Zamenhof kaj la diversaj judaj influoj de tiu tempo, ekz. cionismo kaj hilelismo. Arika Okrent, aŭtorino de la libro "In the Land of Invented Languages" ("En la lando de inventitaj lingvoj"), prelegis pri Zamenhof kaj humileco. Psikiatro James Lieberman pritraktis psikologiajn aspektojn de Zamenhof kaj lia estrecofilozofio. Prof. Timothy Reagan el la Centra Ŝtata Universitato de Konektikuto parolis pri lingvokonstruado kaj prof. Humphrey Tonkin – pri la heredaĵo de Zamenhof.

***(uea-membroj)***

## DIPLOMOJ PRO FIDELA MEMBRECO

Fine de januaro la Centra Oficejo sendis diplomojn al tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj ĝis la pasinta jaro membris en la Asocio minimume 40 aŭ 50 jarojn. Entute 186 membroj ricevis diplomon pro 50-jara membreco, dum 259 membroj estis diplomitaj pro 40-jara membreco. Sekve 445 membroj, t.e. 7,8% el ĉiuj individuaj membroj de UEA, apartenas al sia Asocio jam almenaŭ 40 jarojn. Ekde nun novaj diplomoj estos sendataj ĉiujare.

La eltrovado de diplomotaj membroj estis granda laboro, kiun en sia libera tempo plenumis estrarano Loes Demmendaal, iniciatinto de la diplomoj. Ŝi devis trarigardi la tutan malnovan membrosliparon, slipon post slipo, ĉar en 1981, kiam la administrado estis komputiligita, la pli frua historio de la tiamaj membroj ne estis registrita en la komputilo. Ĉar diplomon povis ricevi nur tiuj, kiuj aliĝis al UEA pli ol 10 jarojn antaŭ la administra modernigo, por ilia eltrovado necesis mana kontrolo de la dosierujoj, kiuj enhavas la paperajn slipojn de kelkdek mil iamaj membroj de UEA.

***(uea-membroj)***

# la verda KoRo

kultura revuo

## PER PROVERBOJ RIVELIĜAS LA RUSA CERBO

Mi organizas kaj por la komenco gvidos la tradukon konkursecan de la rusaj proverboj kaj sentencoj. La komuna laboro aspektos jene. Mi proponas por ĉiu dumonato (aperritmo de la revuo) kvinon da proverboj. Oni tradukas kaj sendas al (dume) mia adreso. Mi metas la variantojn (kun la tradukinto-nomoj) en la sekvan n-ron de la revuo, samtempe proponante la novan porcion. Legantoj taksas la tradukvariantojn kaj skribas la nomojn de la tradukintoj laŭ ordo de la proksimo al la ideala traduko. Poste jam ĉiam aperos la listo de la tradukoj kun la nomoj de la aprezintoj. Do, la tradukantoj mem aprezos la traduk-konkurson (esceptante la propran varianton) kun la helpo de aliaj revu-legantoj. Ekzemple oni skribas: proverbo 1 – Ivanov (1-a loko), Gastov (2-a loko) ktp. Proverbo 2 – Radov (1-a loko)... La tradukintoj ne rajtas meti sian nomon en la takso-liston.

Oni demandus kial mi ne organizas tion per retlisto. Ne tion, ĉar estos malpartoprenaj la homoj sen ret-aliro. Krome reto spronas haston sen funda pripenso. Mi organizis similon en la nelongdaŭra E-Klubo (2002) mi-gvidata en Sankt-Peterburg kaj spertumas diri, ke ju pli longe oni cerbumas des pli trafa varianto elcerbiĝas.

Mi rekomendas skribi ĉiun proverbon sur apartan slipon kaj poŝi ĝin kun si pensume okulumante la slipojn dum tempopasigoj en trafikiloj, vicoj ks. skribante la variantojn. La tempohavuloj povas cerbumi hejme kun paŭzegoj por la cetera vivo. La tradukojn oni sendu laŭ miaj adresoj: aŭ la reta <anatolog@mail.ru>, aŭ la poŝta: *Gonĉarov A. E., ab. ja. 6125, Krasnojarsk-17, 660017* (somere la poŝta adreso eble anonciĝos nova). Taŭgas ankaŭ sms-oj telefonmobilaj en urĝaj okazoj: +7-902-0103485.

Laŭ mia persona gusto plej proksimaj al la idealo estos tiuj variantoj, kiuj enhavos rusisme ŝlosilajn vortojn-nociojn kaj kiuj estos rimitaj (kio plifaciligos parkerigi).

Por la traduko mi proponas nun la jenon:

1 – Без труда не вытащишь (и) рыбку из пруда;

2 – Ищи иголку в стоге сена;

3 – Шило в мешке не утаишь;

4 – Что написано пером не вырубишь топором

5 – Заставь дурака богу молиться он и лоб расшибет

La limtempo ricevi viajn variantojn estas la

> Tio okazis antaŭ pli ol 100 jaroj. Du lernantoj de jeŝivo (juda ortodoksa lernejo, en kiu oni studas la religiajn skribaĵojn) interdiskutas pri diversaj temoj.
> Jankel: Estas pli bone esti malsanulo je pneŭmonio ol milionulo.
> Berl: ???
> Jankel: Ĉar en la fino ĉiuj milionuloj mortas, dum el la pneŭmoniuloj mortas nur 37%!
> ***juda humuraĵo de Josef Shemer***

15-a de marto (estonte – respektive la 15-aj de majo, julio, septembro, novembro kaj januaro). Pro la neprognozeblo kaj malrapido de la ordinara poŝto, evidente, vi penos uzi retpoŝton kaj mobil-telefonon.

Samtempe skribu, bonvole, ĉu optimumas la proverbo-nombro traktenda, ĉu eble la porcio estu ekz. 8-proverba aŭ 10...

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## "DEK TAGOJ DE KAPITANO POSTNIKOV"

*Kelkaj opinioj por la dua eldono*

La romano "Dek tagoj de kapitano Postnikov" travivis la unuan jarkvinon de sia memstara vivo. Kun normala kontento mi povas raporti, ke dum tiu jarkvino efektiviĝis ĝia ĉefa sortotasko, pri kiu revas ĉiu ajn aŭtoro. La romano estas legata. Tion atestas dekoj da personaj reeĥoj, kiuj atingis min. Krom tio mi disponas pri dekduo da recenzoj, aperintaj en E-gazetaro – onidire, aperis pli multaj, sed mi parolu nur pri tio, kion mi havas. La taksoskalon de la recenzoj eblas loki inter "tro laŭda" kaj "tro kritika"; tio signifas almenaŭ, ke neniu el inter la recenzantoj restis indiferenta post la tralego. Tio, miaopinie, plej gravas.

La romano estis finpretigita en 2003. En mia urbeto Tiĥvin mi trovis eldonejon "Peĉatnaja studija" – bonkoran kaj ĉarman virinan kolektivon, spertiĝintan pri eldonado de reklamfolioj, vizitkartetoj kaj kalendaroj. La ĉarmulinoj konsentis fari la laboron (kompreneble – pagatan) pri kompostado, enpaĝigo, kovrilaranĝo ktp, kurtadire, eldoni la libron. Ĉu mi timis, ke tiu ĉi tute nesperta eldonejeto povas fuŝe fari la aferon? Jes, mi timis, sed mi ne havis alternativon. Nature, la afero estis grave fuŝita. La okulfrape malaperinta vosteto ĉe "G" transformis la vorton "TAGOJ" surkovrile al "TACOJ", kio provokis replikon, ke endus tiuokaze ŝanĝi ankaŭ la unuan literon al "K" (ho, kun tia titolo la libro vendiĝus dum unusola monato!). Eksterprognoze eĉ post mia kelkfoja kontrolado la ribelema eldoneja komputilo propravole ŝanĝis multloke la ĉapelitajn literojn per "w"-oj, "x"-oj kaj "q"-oj. Sed la plej grava teruraĵo iĝis evidenta nur iom poste – la presejo decidis ŝpari la gluon, do komencis alveni plendoj, ke la libro disfalas post unu tralego. Nu... ankaŭ kelkaj libroj, kiujn mi aĉetis en Eŭropo, disgluiĝis tuj post foliumado, sed tio ne estas bona konsolo por mi, des pli – por miaj legantoj. Mi devas peti pardonon de ĉiuj ili, kaj mi humile pardon-



Organiza Komitato.
de la 1-a Ruslanda Esperantista Kongreso.
Sidantaj: A. A. Ivanickij, V. F. Barabanova, A. A. Postnikov, P. E. Vasilkovskij, M. M. Zike.
Starantaj: V. B. Beringer, A. P. Dadajev, E. N. Nozikova, S. A. Petrov.

petas. Unusolan pravigon mi havas: la libro aperis, kaj oni legis ĝin kun intereso.

Post la ekvivo de “Dek tagoj...” mi ekokupis min pri novaj projektoj, sed intertempe tiel aŭ alie mi devis revenadi al la romano, malgraŭ ke finfarita. Jen mi ricevis tradukon de la libro al la rusa, libervole faritan de la bonkora leginto Anatolo Radaev – venis la devo redakti tiun tradukon kaj prizorgi la ruslingvan eldonon... Jen aperis ŝoka ideo de Spomenka Ŝtimec pri surscenigo de “Postnikov”; dum du jaroj mi neadis, argumentante per absoluta mia nesperteco verki teatraĵojn, sed fine faris la laboron dum tri monatoj en 2008 – do oni povis vidi tiun brilan oficiron Postnikov, luditan de serba aktoro Saša Pilipović kun la ĉarma teatra teamo de “Shelter Sceno”, dum UK en Bjalistoko... Diverslandaj esperantistoj sendadis al mi la materialojn pri Postnikov, kiujn mi ne posedis antaŭe, dum la verkado de la romano, – inter ili estas tre gravaj, kiel, ekzemple, la portreta foto de la protagonisto, aŭ Puŝkina “Mocart’ kaj Saljeri”, tradukita de Vsevolod Lojko, alia grava rolulo de la romano, kaj eldonita en Parizo en 1907.




Memkompreneble, mi revis pri bonkvalita reeldono, opiniante taŭga por tio la jubilean jaron 2010, la centjariĝon de la Unua Ruslanda Esperantista kongreso. Mi dankas la eldonejon “Impeto”, kiu pretas enkorpigi mian revon[1]. Sed al la legintoj de la unua eldono mi rekomendu tralegi ankaŭ la duan. Ĉar la teksto estas konsiderinde reviziita kaj kompletigita per la plej grava parto de la materialoj, kiujn mi akumulis dum la jarkvino.

Ĉu mi opinias la laboron komplete finita? Mi hezitas respondi jese. Kelkaj aĵoj, trovon de kiuj mi aspiris, ne estas trovitaj ĝis nun.

Temas i.a. pri la postusona raporto de kapitano Postnikov al la ministro de industrio kaj komerco, eldonita je mono de la ministerio. Eĉ Aleksandr Saĥarov, kun sia speciala rilato al la kapitano, skribas, ke “*s-ro Postnikov zorge kolektis ĉiujn pruvojn pri la neceso de Esperanto por komerco kaj industrio, kaj enpresigis kelkajn ilustraĵojn, rilatantajn al Esperantista movado”*. Sendube, kaŭze de retrovo de tiu ĉi teksto, ĝi estus uzenda en la libro.

Mi ne sukcesis trovi tiuepokan foton de unu el la plej gravaj roluloj – Aleksandr Andrejeviĉ Saĥarov. La libron de liaj rememoroj kaj la retpaĝojn, dediĉitajn al li, ornamas la eta foto, farita en la fino de lia vivo. Mirinde, sed ŝajnas al mi, ke Aleksandr Andrejeviĉ iakaŭze intence evitis elmontri sin. Jen vidu: li, unu el la ĉefaj figuroj de la Unua Ruslanda E-kongreso, kaŝas sin ie en la tria vico de la komuna kongresa foto sub la numero 49. Kial?

---

[1] Laŭ informo de “Impeto”, dua eldono de la romano aperos marte-aprile de 2010. (La red.)

Nemulto klaras pri la parencoj de kapitano Postnikov. La sorto de liaj gefratoj kaj de lia edzino Muza Maksimilianovna estas apenaŭ esplorita tereno.

La infanoj, eĉ plenaĝaj, fojfoje postulas helpon kaj prizorgon de la gepatroj. Lasinte mian libron en la mondon, mi ne povas esti indiferenta al ĝia sorto. Des pli, ĉar esplorindaj enigmoj en la biografio de la persono elstara por nia movado tentas min labori. Kun sincera danko mi akceptus ĉiujn ajn materialojn, kiuj havas rilaton al Aleksandr Postnikov kaj lia rondo. Eventuale per komuna esplorado post iom da jaroj ni sukcesos solvi plejmulton da Postnikov-enigmoj.

Sed dume mi deziras al vi agrablan legadon.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## BIOGRAFIO DE MAJSTRO
### *verkita de lia idea kontraŭulo*

***Aleksander Korĵenkov.* Homarano:** La vivo, verkoj kaj ideoj de d-ro L.L.Zamenhof – *Kaliningrado: Sezonoj; Kaunas: Litova Esperanto-Asocio, 2009 – 320 paĝoj (Serio "Scio". Volumo 8). ISBN 978-609-95087-0-2*

Nova biografio de Zamenhof "Homarano. La vivo, verkoj kaj ideoj de d-ro L.L.Zamenhof", verkita de Aleksander Korĵenkov, estas vera kaj signifa kontribuo al la zamenhofologia literaturo. Antaŭ ol pli detale trarigardi ĝian enhavon, mencii ĝiajn avantaĝojn kaj mankojn, mi asertu, ke ĝi estas nepre serioze legenda kaj eĉ studenda por ĉiu klera esperantisto, sendepende de ties specialaj interesoj kaj okupoj ene de nia popolo.

Do, la unua grava avantaĝo de la libro estas tio, ke la aŭtoro faris por ĝi seriozajn esplorojn en arkivoj de diversaj urboj kaj trastudis en bibliotekoj plurajn malnovajn gazetojn, al kiuj kontribuis (aŭ oni supozis, ke kontribuis) la juna Zamenhof. Tiuj esploroj donis al ni multajn novajn, dokumente pruvitajn faktojn pri la biografio de la majstro kaj ebligis flankenmeti certajn antaŭajn supozojn kiel legendojn aŭ fantaziajn elpensaĵojn de biografiistoj. Ekzemple, la historion pri forbruligo far la patro de la plej unua varianto de zamenhofa lingvoprojekto ni sendube nun devas konsideri kiel belan legendon. Aliflanke, la kvarjaran periodon de la vivo de Zamenhof en Grodno ni povas vidi nun alimaniere: Zamenhof vere ne estis tie tre prospera kuracisto, sed nepre ne estis tiom mizera ke suferis pro malsato, sed, male, estis sufiĉe bonstata: li dungis du servistinojn… Estas detale esplorita, sed restis sen respondo, la problemo de tiu koruptaĵo, kiun devis doni Zamenhof el la doto por ke oni ne senpostenigu la patron – la evento eĉ pli nebuliĝis.

Male, refutante certajn mitojn, la aŭtoro fojfoje devas enkonduki novajn hipotezojn, kiuj (dume?) ne estas pravigitaj kaj restas nur verŝajnaj versioj. Temas, ekzemple, pri tio, ke en 1897 Zamenhof devis preskaŭ ĉesi okupiĝi pri Esperanto pro premo de la bopatro S.Zilbernik.

La aŭtoro solvas – ŝajne definitive – eĉ tiujn malgravajn (tamen, elvokantajn ardajn diskutojn!) demandojn, kiel "oficiala nomo de Zamenhof". Li pruvis, ke, fakte, ekzistis du oficialaj formoj, aplikitaj en dokumentoj (en diversaj jaroj) – Lazarj Markoviĉ – rusigita formo, kaj Lejzer Mordkoviĉ (aŭ Moteleviĉ) – jida formo. Ĉio cetera estas aplikebla, sed ne oficiala. Korĵenkov eĉ asertas, ke en la

fontoj Zamenhof ne uzis plenajn nomojn "Lazaro" kaj "Ludoviko"! Tamen estas citaĵo (p. 103), kiu iom kontraŭdiras al tio – Zamenhof tie nomas sin simple "Ludoviko" eĉ sen la familia nomo...

La dua grava avantaĝo de la libro estas tio, ke la aŭtoro strebis fari ĝin kiel prezenton de evoluo de la zamenhofa penso. Tiun temon desegnis Zamenhof mem en sia letero al Michaux (21.02.1905), kaj de la plena cito de la letero la aŭtoro komencas sian libron. Ĝuste zamenhofaj ideoj fariĝis la ĉefa fadeno por la prezentata biografio. La aŭtoro por tio esploris la fontojn de la zamenhofaj ideoj, kaj por tio speciale atentis idean fonon, kiu ekzistis fine de la 19-a jc. en rondoj de la rusia judaro: diskutojn, kiuj flamis en la judaj gazetoj, direktojn, laŭ kiuj diversaj grupoj intencis solvi la "judan demandon", interrilatojn inter la judoj kaj la nejuda socio en Rusia imperio. Lige al tio li montras engaĝiĝon de la juna Zamenhof en la movadon de fruaj cionistoj kaj postan lian senreviĝon pri cionismo ĝenerale. Oni ne povas diri, ke la temo tute neniam estis tuŝita de antaŭaj esploristoj, sed tiom profundan analizon pri tio ĝis nun faris neniu. Al Korĵenkov, sendube, helpis fari tion du faktoroj: lingva atingebleco de la fontoj (ruslingveco de la esploritaj judaj gazetoj) kaj tio, ke li mem ne estas judo kaj povis senpartiece, deflanke analizi la judajn diskutojn – juddevena persono tuj estus akuzita pri "netaŭgaj" simpatioj! Do, la aŭtoro trankvile diras, ke, rezulte, venkis ambaŭ tendencoj – kaj la asimilismo, kaj la cionismo, simple en diversaj lokoj kaj cirkonstancoj.




Interna lukto de Zamenhof inter streboj al unuiĝo de la homaro kaj al emancipiĝo de sia gento kondukis lin finfine al kreo de la koncepto de Hilelismo, kiu poste transformiĝis al Homaranismo. Tiu idearo devis krei la bazon por ambaŭ streboj pere de kreo de neŭtrala komunhoma religio (kune kun plivastigo de uzado de la komunhoma lingvo, kompreneble). Kutime oni nur mencias la idearon kaj prezentas ĝian kernon, sed ne analizas evoluon de ĝi mem. Tamen, ĝi ne estis io tute finita, kaj la aŭtoro montras esencajn diferencojn inter diversaj ĝiaj variantoj inter 1901 kaj 1917. Konstanta perfektigado de la koncepto, cetere, estis stimulata de ĝia malakcepto – komence de judoj, poste de esperantistoj.

Al mi ŝajnas, ke, konsiderante fontojn de la zamenhofaj ideoj, la aŭtoro trotaksas la influon de nur judaj ideoj. Finfine, kvankam kreskinta en la juda medio, Zamenhof estis edukita en sino de la rusa kulturo, kiu ne povis ne influi liajn pensojn. Korĵenkov, feliĉe, citas koncernan esploron de Igorj Simonov pri influo al Zamenhof de Vladimir Solovjov, sed, bedaŭrinde, neniel evoluigas nek uzas ĝin. Sed ĝuste tiu esplordirekto aspektas tre fruktodona.

Tre interesa estas sistemigo de donitaĵoj pri rilato de Zamenhof al reformoj en lia (nia) lingvo. Fakte, la leganto venas al la konkludo, ke Zamenhof mem ne nur ne kontraŭis reformojn, sed eĉ strebis al ili, kaj ke la Ido-krizo estis ne lastavice provokita de li mem. Lia reformemo estis estingita nur pro la kontraŭreforma reago de plimulto de la esperantistaro, kiun li ne volis forlasi, sed ne pro la ideo, ke la lingvo ne bezonas reformojn! Pri neceso de reformoj li parolis ankaŭ post la krizo.

Parolante pri sendubaj meritoj de la libro, necesas ankaŭ mencii ĝiajn mankojn. Kelkaj komencitaj temoj ne estas finitaj. Ekzemple, ne estas finita la brile komencita temo pri rilatoj inter la patro kaj filo Zamenhofoj, Marko kaj Lazaro – sed pri la temo estas, kion diri, ankaŭ en la periodo, kiam Esperanto jam estis lanĉita. Tute ne estas menciata la temo pri rilato al Esperanto de aliaj familianoj de Zamenhof, malgraŭ ĝia graveco por kompreni liajn vivcirkonstancojn. Sed tiuj mankoj estas neeviteblaj pro tio, ke neniu biografia verko povas esti perfekta kaj plene elĉerpi ĉiujn temojn. Male, ili povos instigi sekvajn esploristojn por pluaj esploroj.

Iom pli stranga estas jeno. Esplorante la Zamenhofan biografion, kaj senmaskigante helpe de novaj dokumentaj atestoj kelkajn legendojn pri lia vivo, Korĵenkov senkritike reproduktas kelkajn aliajn legendojn, kiuj jam delonge estis dementitaj. Unue, li ripetas la miton pri tio, ke Trompeter ĉesigis monan subtenon de Zamenhof pro tio, ke la reformoj de 1894 ne estis akceptitaj. Ludovikito (Itô Kanzi) delonge ĉion klarigis tiurilate (parenteze – lia "Senlegenda biografio" ial ĝenerale ne estis uzita de Korĵenkov). La dua legendo estas en reproduktita frazo: "Konatiĝinte kun Esperanto en 1888, Beaufront rezignis propagandi sian propran lingvoprojekton Adjuvanto…" (p. 161). Ĉi tie ĉio estas malvero, kaj pri tio konjektis jam Zamenhof mem. Jes, Beaufront estis tre grava figuro en la Esperanta movado, sed kredi al liaj elpensaĵoj pri si estas tro naive…

Kio konsiderindas kiel nepra manko por senpasia biografio, estas arbitraj priĵuĝoj de la zamenhofaj ideoj, ilia kritiko. Estus pli bone, se la aŭtoro ĉie nur simple rakontu pri la ideoj de Zamenhof, kiel li modele faras en aliaj ĉapitroj, sed en la ĉapitro 7, dediĉita ĉefe al la centra teoria zamenhofa verko "Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia", li ne simple rakontas pri ĝia enhavo, sed akre kritikas. Tion li komencas de la malakcepto de la animkrio de Zamenhof: "Ni konfesas, ke kiom ajn ni rompas al ni la kapon, ni neniel povas kompreni, el kio nome konsistus la malfeliĉo por la homaro, se en unu bela tago montriĝus, ken ne ekzistas jam plu nacioj kaj lingvoj naciaj, sed ekzistas nur unu ĉiuhoma familio kaj unu ĉiuhoma lingvo". Korĵenkov asertas, ke nun tiu tezo aspektas ŝoka kaj neakceptebla, tamen mi tion ne vidas. Jes, ĝi estas direktita kontraŭ ĉiuj naciismoj, kaj estas neakceptebla por ĉiaspecaj *naciistoj* (de patriotoj ĝis ŝovinistoj), sed estas kaj restas kerno de ĉiu internacilingva movado (ne nur Esperanta!), kaj ĉefa instigilo por lingvoprojektado. En plejparto de beletraj priskriboj de estontaj socioj (ni rememoru verkojn de Wells, Azimov, Jefremov, Harrison kaj multajn aliajn) ni vidas sociojn unulingvajn. Primitiva prahomo, elpensinta la miton pri la dia puno pro la babeltura konstruado, komprenis la aferon same kiel Zamenhof – sed malsame al Korĵenkov. Nu, tio estas afero de persona gusto, sed biografio de la majstro ne estu loko, kie oni lian centran ideon malakceptas!

Nu, bone. Se pli "moderne" estas paroli pri tio, ke Esperanto havas signifon lingvosavan, ni povus tion akcepti kiel almenaŭ provizoran starpunkton. Sed Korĵenkov ankaŭ tion ne akceptas (eble, prave) kaj iras plu. Li asertas, ke nuntempe bezono pri neŭtrala internacia lingvo ne plu ekzistas, ĉar la usonangla jam ludas tiun rolon, kaj oni povas pri tio nenion fari. Nun ne estas problemo de la internacia lingvo, ĉar ĝi ekzistas. Koncerne min, mi, sincere veninte al tiu konkludo, tuj ĉesus okupiĝi pri Esperanto, forgesus ĝin por ĉiam kaj komencus moki miajn iamajn samideanojn. Tamen nia aŭtoro tion ne faris, kaj eĉ esploris biografion de Zamenhof, kun kies ĉefa ideo li ne konsentas. Li diras: "Gravas reformuli la esencon kaj estontecon de la problemo, ĉar Esperanto ne havas nun ŝancon por enkonduko kiel lingvo internacia. Sed Esperanto efektive funkcias, kaj ĝiaj uzantoj ĝuas ne tiom la lingvajn ecojn, kiom la ecojn de la komunumo de esperantoparolantoj" (p. 139).

Por mi persone tiu ĉi logiko ne kompreneblas. Se la lingvo ne povas atingi la celon, por kiu ĝi estis destinita, ĝi devas malaperi, Sed la pensmaniero de Korĵenkov estis formita de tiuj ideoj, kiuj kreskis el la tiel nomata "Manifesto de Raŭmo". Li penas ŝajnigi, ke distanciĝis de tiu ideologio, sed sufiĉas legi la supran citaĵon por kompreni, ke li restas tute fidela raŭmisto… Kaj la logiko de raŭmistoj estas por mi sekreto sub sep sigeloj, kiujn mi apenaŭ iam komprenos.

Konklude mi ripetas: malgraŭ ĉiuj mankoj, la esploro de Korĵenkov estas grava kontribuo al la Esperanto-historio, kiun nepre legu ĉiu. Tamen esperantistoj kun malfortoj nervoj prefere ne legu la 7-an ĉapitron. Ĝi povus esti bona kiel artikolo por iu revuo sub titolo "Kial kaj pri kio mi ne konsentas kun L.L.Zamenhof", sed tute malakcepteblas por normala biografio. Domaĝe, ke tiom bona verko estas tiel damaĝita de la aŭtoro mem.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***




## NOVA LIBRO DE "IMPETO"

***Antonina Bokarjova.* Sciencisto, esperantisto, patro: Eŭgeno Bokarjov** */Redaktis Viktor Aroloviĉ. – Moskvo: Impeto, 2010 – 144 paĝoj, ilustrita. ISBN 978-5-7161-0207-1*

Tiu ĉi libro estas dediĉita al la 105-jara jubileo de Eŭgeno Bokarjov (1904–1971) – elstara sovetia lingvisto, centra figuro de la sovetia E-movado en 1950–1960-aj jaroj, membro de la Akademio de Esperanto ekde 1963, fondinto kaj gvidanto de la Interlingvistika sekcio en la Instituto pri Lingvoscienco de Akademio de Sciencoj de USSR, organizanto de la laboro pri eldonado kaj kompilinto de la plej popularaj en Soveta Unio rusa-Esperanta kaj E-rusa vortaroj.

La rememoroj de la filino Antonina Bokarjova prezentas ne nur familian kronikon, sed

ankaŭ kuntekste rakontas pri gravaj historiaj eventoj en la lingvoscienca medio kaj ĝiaj reprezentantoj (N.Marr, N.Trubeckoj, E.Polivanov, I.Meŝĉaninov, A.Desnickaja). Speciala atento estas dediĉita al la postmilita renaskiĝo de la Esperanto-agado en Sovetio kaj al kresko de la novgeneracia junulara E-movado, al renomaj aktivuloj: L.Bokarjova, V.Grigorjev, M.Duc Goninaz, V.Samodaj, I.Sergejev, N.Danovskij, M.Giŝpling, L.Vulfoviĉ, V.Korĉagin kaj multaj aliaj.

La suplementa parto de la libro enhavas artikolojn kaj elpaŝojn de E.Bokarjov, lian solan konserviĝintan beletran tradukon, du nekrologojn – de Nina Sulje kaj A.Duliĉenko, poemon de A.Logvin memore al E.A.Bokarjov.

Tiun ĉi kaj ĉiujn aliajn librojn de la eldonejo “Impeto” vi povas mendi perpoŝte en speciala retvendejo <www.lernolibro.ru>.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

---

# La urala sorpo

***(muziko de J.Rodigin, vortoj de M.Pilipenko)***

Kiel lanta kanto, jen daŭras la vesper’.
Jen la trajn’ veturas lumero post lumer’.
Ie trans la rivero scintilas la uzin’.
Ĉe sorpet’ du junuloj atendas longe min.

Ho vi, sorpo-sorpinjo,
Blankas via florar’.
Ho vi, sorpo-sorpinjo,
Pro kio la amar’?

Tage ni triope laboras en uzin’.
Dum vesper’ samope ni sidas ĉe l’ sorpin’.
Ambaŭ knaboj rigardas silente kun persist’.
Dekstre jen la forĝisto, maldekstre la tornist’.

Ho vi, sorpo-sorpinjo...

Kiun do elektu mi el ĉi tiuj du? –
Nekomprenon tian mi ne eltenos plu.
Ambaŭ knaboj impresas per svelt’ kaj fort’ de la korp’.
Ho vi, sorpo-sorpinjo, konsilu al la kor’!

Ho vi, sorpo-sorpinjo,
Blankas via florar’.
Ho vi, sorpo-sorpinjo,
Pro kio la amar’?

*(tradukis Ljudmila Novikova)*

# FABELO PRI LA TRIOPO

*Kara leganto,*

*Mi gratulas vin ĉe eklego de la unika verko de la fratoj Strugackij. Komprenebla, se vi jam konas la sep aliajn, aperintajn antaŭe, vi nepre diros, ke ĉiu verko de la fratoj Strugackij estas unika. Certe, vi pravas. Do nun la unikeco de via legaĵo estas en tio, ke ĝi estas la plej satira, la plej moka, la plej ofenda por la sovetia ŝtata sistemo. "La libro, verkita per galo kaj vinagro" – diris Boris Strugackij.*

*Tiaspeca libro ne povus havi facilan sorton. La tuteca teksto de la "Fabelo pri la Triopo", finverkita en 1967, aperis por la publiko nur en 1987! En daŭro de tiuj dudek jaroj Arkadij kaj Boris Strugackij faris multegajn provojn publikigi ĝin tutece aŭ poparte en diversaj revuoj de Sovetio, sed eĉ konataj, amikemaj redaktoroj preferis ĝentile rezigni la publikigon. Laŭ konsilo de populara scienc-fikcia verkisto S.Gansovskij la aŭtoroj decidis refari la "Fabelon". Ili kurtigis ĝin preskaŭ duone, foriginte la plej mokajn partojn, ili mildigis la plej akrajn lokojn, tiel ke fakte aperis la verko, memstare vivanta – "Fabelo pri la Triopo-2". Sed denove la ŝtataj eldonejoj rifuzis al la aŭtoroj. Finfine la manuskripto trafis al siberia almanako "Angara", kies ĉefredaktoro en la fino de 1968 kuraĝe publikigis la "Fabelon-2" en du sinsekvaj numeroj de la almanako. Tiu kuraĝo kostis al la ĉefredaktoro la laborlokon. Komence de 1969 la buroo de Irkutska regiona komitato de KPSU, t.e. la plej alta reganta institucio en la regiono, pro "publikigo de idee netaŭga novelo de A. kaj B. Strugackij" senigis lin je la ĉefredaktora posteno.*

*Sed la aŭtorojn gvatis eĉ pli grandaj malagrablaĵoj. En 1970 la "Fabelon-2" publikigis la kontraŭsovetia revuo "Grani" – tio estis taksata jam preskaŭ kiel komploto, kontraŭŝtata krimo. La publikigo okazis sen scio de la aŭtoroj, sed tiu vero ne malpliigis koleron de la oficialuloj – kuratoroj de la verkistaro. La fratoj estis devigitaj verki proteston kontraŭ tiu publikigo, kaj tiu deviga laboreto estis por ili pli terura ol eĉ juĝa puno. Feliĉe, la protesto, kiu devis aperi en "Literaturnaja gazeta", la plej aŭtoritata organo de la Verkista Unio, iakaŭze neniam aperis.*

*Intertempe la "Fabelo" vastiĝis en la lando per la samizdataj retajpoj, restante legata kaj ŝatata de diversaĝa civitanaro.*

*Kial do la "Fabelo pri la Triopo" provokis tioman timon kaj malamon de la sovetia burokrataro? Ĉar en la roluloj de tiu libro la burokratoj rekonis sin kaj ekvidis la primokatan epokon de burokratisma stagnado, subpremado de la libera racia penso. Eĉ la titolo tuj revokis en la memoro la fifamajn "triopojn" de la stalina "granda purigo". Kaj sur la paĝoj de la libro, kie disvolvis sian fuŝan agadon TRUFEo – Triopo, Registranta kaj Unueciganta Fenomenojn Eksterkomprenajn, bolas la mokanta humuro, efektive plena je galo, pipro, vinagro. Tie la membroj de la Triopo (kiuj, cetere, estas kvar!), personoj absolute profanaj kaj subnivelaj, estas postenigitaj por trakti kaj decidi pri la sortoj de neklarigitaj fenomenoj, kolektitaj en speciala Kolonio. La prezidanto Lavr Fedotoviĉ, opinianta sin la popolo. La ĝisosta burokrato Purcelankis, febre foliumanta la instrukciaron. La senĝena orgojlulo Pankonsumov kun sia agresema stulteco. La ĉiam dormanta kolonelo de*

*laŭesence stulta motor-kavaleria trupo. Ankaŭ la helpantoj: la scienca konsultanto, profesoro Elkurello, veninta el la antaŭa gaja "Lundo ekas sabate" kaj la kompatinda komandanto de la Kolonio. Malsimpatiaj uloj, similaj la antaŭjarcentajn protagonistojn el la verkoj de la genia Saltikov-Ŝĉedrin, priridindaj kaj prirídataj. Iliaj juĝatoj, provizoraj enloĝantoj de la Kolonio – ekde la memama Cimo Parolulo kaj trofiera polpo Spiridono ĝis la sinĝenema pterodaktilo Kuzjma, vekas en la legantaro pli da ŝato kaj simpatio.*

*Ĉu vi diras, ke la sovetia epoko bonŝance forpasis antaŭ dudek jaroj, do tiuj figuroj estas eksmodaj kaj mem la verko – malaktualiĝinta? Ho, kara leganto, tion vi povas diri, loĝante en iu benata lando sen profanoj, sen ordinara ĉiutaga korupto... ĉu ekzistas tia lando?*

*Sed eĉ se vi havas benon loĝi tie, ĉe la legado vin atendas ridoplena ĝuo, kiun sentas normala homo, legante pri absurdaĵoj flankaj, ne tuŝantaj lin mem.*

*La libro baldaŭ aperos en la eldonejo "Impeto". Por inico mi prezentu al vi unu brilan peceton el la libro en mia traduko.*

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

---

... Kiel oni devus supozi, la kazo dudek naŭa ne havis familinomon, nomon kaj patronomon. Ĝi havis nur provizoran titolon "Sorĉitaĵo".

Ĝia naskiĝjaro perdiĝis en profundo de l' jarcentoj, la naskiĝloko estis determinita per koordinatoj kun arkminuta precizo. Laŭnacie Sorĉitaĵo estis ruso, kleron ne posedis, fremdajn lingvojn ne konis, ĝia profesio estis holmo, kaj la laborloko nuntempa same estis determinata per supre menciitaj koordinatoj. Eksterlandon Sorĉitaĵo ekdenaske ne vizitis, la plej proksima parenco ĝia estis Panjo Freŝtero, la konstanta loĝadreso estis determinita per la samaj koordinatoj kaj kun la sama precizo.

La enketo faris al Pankonsumov la plej bonvolan impreson. Pankonsumov diris, ke se li estus nun, kiel iam, prezidanto de la estraro de la Tutrusia Korusa Societo, li eĉ kun fermitaj okuloj aprobus oficigon de tia kamarado al ĉiu ajn posteno. Rilate al la kurta esenco de la neklarigiteco, Elkurello esprimis ĝin en la enketo ekstreme kurte: "Unue, ne traveturеblas, due, ne traireblas".

La komandanto brilegis. La kazo estis certe iranta al raciigo. Pankonsumov kontentis pri la enketo. Purcelankis estis ravita pro neklarigiteco, de unu flanko evidenta, sed de la alia – per nenio minacanta la popolon, kaj ankaŭ Lavr Fedotoviĉ, videble, ne kontraŭis. Ĉiuokaze, li konfide komunikis al ni, ke la popolo bezonas holmojn, kaj ankaŭ ebenaĵojn, ravinojn, kavojn, elbrusojn kaj kazbekojn.

Sed tiumomente la pordo de la kabaneto ovriĝis, kaj sur la peronon eliĝis, sin apogante je bastoneto, maljuna viro en feltbotoj kaj rimenumita ĉemizo, ĝisgenue longa. Li paŝetadis sur la sojlo, de subpolme rigardis la sunon, mansvingis al la kaprino, ke ĝi forgrimpu de sur la tegmento, kaj sidiĝis sur ŝtupeton.

– Atestanto! – diris Purcelankis. – Ĉu ni ne alvoku la atestanton?
– Por kio – la atestanton… – per falinta voĉo diris la komandanto. – Ĉu vere io ne klaras? Se demandoj estas, mi povas...
– Ne! – diris Purcelankis, kun suspekto rigardante lin. – Ne, por kio do vi?

Vi loĝas jen kie, sed li estas aborigeno.

– Alvoku, alvoku! – diris Pankonsumov. – Lakton li alportu.
– Hrrm, – diris Lavr Fedotoviĉ. – Kamarado Zubo, alvoku la atestanton pri la kazo numero dudek naŭ.
– Eĥ! – eksklamaciis la komandanto, frapinte la teron per sia pajla ĉapelo. La kazo estis bruske ruiniĝanta. – Ja, se li povintus alveni ĉi tien, ĉu li restus sidanta tie? Li estas tie, oni povas diri, ekzilito! Ne eblas por li eliro de tie! Ekde kiam li trafis tien, li tie restadas...

Kaj en plena despero, sub suspektemaj fiksrigardoj de la Triopo, antaŭsentante novajn malagrablaĵojn kaj iĝinte pro tio eksterordinare parolama, la komandanto prezentis al ni kiteĵgradan legendon pri sorĉitaĵa arbaristo Teofilo. Kiel tiu vivis kaj aktivis kun la edzino en sia gardkabano, – tute juna li estis tiam, fortega; sed, ĝuste post kiam batis la holmon verda fulmo, ekis teruraj okazintaĵoj. La edzino de Teofilo ĝuste tiam estis foririnta en la urbon; revenas ŝi – kaj ne povas ascendi la holmon, atingi la hejmon. Ŝi kuras do reen, en la urbon, al la popo. La popo plenigis akvujon per sankta akvo kaj iris aspergi la holmon. Iras do li, iras, tamen la holmon aliri ne povas. Ŝprucadis li tiun sanktan akvon dekstren, malen, preĝojn legis – ne helpas ĉio ĉi. Sed la popo evidentiĝis malcerta en sia kredo, do perdis ĝin. Forigis li la pastrecon, renegato, kaj iĝis ateisto. Tio jam estas ribelo. Alvenis policserĝento, vidas li – sur la holmo staras Teofilo. Dekomence li minacadis Teofilon, vokadis lin, blasfemis nigravorte, poste provis Teofilon per kaliketo allogi. Kvazaŭ ekvidos Teofilo la kaliketon kaj nepre penetros al ĝi, sed ĉi tie jam eblas lin kapti kaj kateni. Do vere, impetadis Teofilo. Dum du tagnoktoj senripoze kuradis li al la kaliketo de sur la holmo – ne, ne sukcesis li alkuri. Tiel do li restis tie. Li – tie, la edzino – ĉi tie. Dekomence ŝi al li venadis, kriadis ili unu al la alia, poste tedis al ŝi, ĉesis ŝi venadi. Ankaŭ Teofilo dekomence treege impetadis de tie. Oni vidis, ke li porkon buĉis, la viandon peklis, prenis ĝin, ankaŭ puran subveston enpakis kaj ekiris de sur la holmo vojaĝe. Oni diras, ke ankaŭ panon li kunprenis por la vojo – du bulkegojn, ankaŭ sekpanojn. Longe li iradis de sur la holmo, duonurbo alkuris por rigardi lian iron. Do laŭ la holmoplando li iris kaj iris. Rid' kun larmoj. Do poste li, certe, trankviliĝis, paciĝis, ja endas vivi plu. Tiel li ekde tiu tempo vivas. Kutimiĝis do.

Finaŭdinte tiun ĉi teruran historion, Pankonsumov subite faris malkovron: sovetajn dokumentojn Teofilo ne havas, censojn li evitis, balotojn ne partoprenis, edukinfluon ne ricevis, do tute eblas, ke li restis kulako-parazito.

– Du bovinojn li posedas, – parolis Pankonsumov, – jen ankaŭ bovido. Kaprino. Sed impostojn li ne pagas… – Okuloj liaj subite larĝiĝis. – Se la bovido ĉeestas, sekve ankaŭ bovon li kaŝas ie tie!
– Estas bovo, tio estas certa, – malgaje konfesis la komandanto. – Ĝin li, verŝajne, ĉe la alia flanko nun paŝtas.
– Nu, fraĉjo, la ordon ci faris ĉi tie, – malicaŭgure diris Pankonsumov. – Sciis mi, sentis mi, ke ci 'stas profitaĉulo kaj ĉarlatano, sed tian fiaĵon eĉ de ci mi ne atendis. Ke ci, kulaksubulo, ke ci kulakon vi kaŝu, paraziton...

La komandanto enbrustigis pli da aero kaj ekĝemis:

– Je sankta virgulino Maria... Je la dek du praapostoloj... Sur la evangelio mi ĵuras kaj sur la konstitucio...
– Atenton! – flustris nevidebla Edĉjo.

Arbaristo Teofilo subite levis la kapon kaj, ŝirmante la okulojn per polmo, rigardis niaflanken. Poste li leviĝis, flankenĵetis la klabon kaj komencis nehaste descendi de sur la holmo, glitstumblante en la alta herbaro. La blanka malpureta kaprino sekvis lin, kiel hundeto. Teofilo aliris nin, sidiĝis en volterecan fotelon, penseme apogis la mentonon kontraŭ osteca bruna mano, sed la kaprino sidiĝis apude kaj ekokulumis nin per flavaj diablecaj okuloj.

– Homoj kiel homoj, – diris Teofilo. – Mirinde…

La kaprino formovis transdorsen pezan oran harplektaĵon, ĉirkaŭrigardis nin kaj haltis ĉe Pankonsumov.

– Jen tiu estas Pankonsumov, – ŝi diris. – Rudolf Arĥipoviĉ. Naskiĝis en la naŭcent deka en Ĥoĥloma, la nomon liaj gepatroj ĉerpis el monduma romano, laŭklere li estas lernejano de la sepa klaso, pri la gepatra deveno hontas, fremdajn lingvojn lernis multajn, sed ne posedas eĉ unu...
– Jes! – konfirmis Pankonsumov, honteme ridaĉante. – Natjurliĥ-javol'!
– ... profesion, kiel tian, ne havas – gvidanto. En la nuna tempo – gvidanto-libervolulo. Eksterlandon li vizitadis: Italion, Francion, ambaŭ Germaniojn, Hungarion, Brition… kaj tiel plu, entute kvardek du landojn. Ĉie li fanfaronis kaj profitaĉis. Elstara trajto de la karaktero – alta socia elvivkapablo kaj konformismemo, bazitaj sur principa stulteco kaj sur senŝanĝa strebo esti pli ortodoksa ol la ortodoksuloj.
– Do, – diris Teofilo. – Ĉu vi povas ion aldoni al tio, Rudolf Arĥipoviĉ?
– Tute ne! – diris Pankonsumov gaje. – Eble nur jen... orto... doro... ortoksala... ne tute klaras!
– Esti pli ortodoksa ol la ortodoksuloj signifas proksimume jenon, – diris la kaprino. – Se la estraro malkontentas pri iu sciencisto, vi deklaras vin malamiko de la tuta scienco. Se la estraro malkontentas pri iu eksterlandano, vi pretas deklari militon al ĉio, kio estas ekster la landlimo. Ĉu kompreneblas?
– Certe jes, – diris Pankonsumov. – Alie ne eblas. Klero nia estas tro malgranda. Alie jen kaj jen mi povus mistrafi.
– Ĉu li ŝtelis? – indiferente demandis Teofilo.
– Ne, – diris la kaprino. – Levis tion, kio de surĉare falis.
– Ĉu li mortigis?
– Tute ne eblas! – ekridis la kaprino. – Persone li – neniam.
– Rakontu ion, – diris Teofilo al Pankonsumov.
– Misagoj estis, – rapide diris Pankonsumov. – La homoj ne estas anĝeloj. Eĉ por oldulo ekzistas makulo. Ĉevalo kvarpieda, sed ankaŭ stumblas. Kiu ne eraras, tiu ne manĝas... pardon', ne laboras...
– Komprenis mi, komprenis, – diris Teofilo. – Ĉu vi plu misagos?
– Ne-ni-am! – konvinkite diris Pankonsumov.

Teofilo kelkfoje kapjesis.

– Kio restos post li sur la Tero? – demandis li la kaprinon.
– La infanoj, – diris la kaprino. – Du laŭleĝaj, tri eksterleĝaj… Familinomo en la telefonlibro… – Ŝia belega vizaĝo streĉiĝis, kvazaŭ ŝi estis impete rigardanta foren. – Ne, nenio pli…
– Sed ni ja multon ne bezonas, – hihiis Pankonsumov. – Koncerne la eksterleĝajn infanojn, do kiel tio rezultiĝas? Se oni foje oficvojaĝas…
– Mi dankas vin, – diris Teofilo. Li rigardis al Purcelankis. – Sed kion pri tiu agrabla viro?
– Li estas Purcelankis, – diris la kaprino. – Per la nomo kaj la patronomo neniu kaj neniam lin alparolis. Li naskiĝis en la naŭcent deksesa en Taganrog, klero – supera, jura, legas en la angla kun vortaro. Laŭprofesie – preleganto. Posedas la gradon de doktoro pri historio, temo de la disertaĵo: "Sindikata organizo de sapkuira uzino je nomo de kamarado Semjonov dum 1934-1941". Eksterlande ne estis, kaj ne strebas tien. Liaj karakterizaj trajtoj – singardemo kaj antaŭvidemo, foje ligitaj kun risko provoki malkontenton de la estraro, sed ĉiam kun antaŭvido de posta estrara laŭdo…
– Tio estas ne tute ĝusta, – milde oponis Purcelankis. – Vi iom aliigas la terminojn. Singardemo kaj antaŭvidemo estas trajtoj de mia karaktero senrilate al la estraro, mi estas tia denature, tio ĉi enestas en miaj kromosomoj. Sed koncerne la estraron, do estas mia devo – montri al altranguloj juran kadron de ilia kompetenteco.
– Sed se ili eliras trans tiun kadron? – demandis Teofilo.
– Vidu, – diris Purcelankis, – senteblas, ke vi ne estas juristo. Ne estas io pli fleksebla kaj cedema ol la jura kadro. Ĝin oni povas konturi ĉe bezono, sed ĝin ne eblas transiri.
– Kion vi dirus pri trompa atestado? – demandis Teofilo la kaprinon.
– Mi timas, ke tiu ĉi termino estas iom malaktualiĝinta, – diris Purcelankis. – Ni ĝin ne uzas.
– Kion do pri la trompa atestado de li? – demandis Teofilo la kaprinon.
– Neniam, – diris la kaprino. – Li ĉiam sankte kredas tion, pri kio li estas atestanta.
– Efektive, kio estas trompo? – diris Purcelankis. – Trompo estas neigo aŭ misprezento de fakto. Sed kio estas la fakto? Ĉu eblas entute en la kondiĉoj de nia ekstreme komplikiĝinta realo paroli pri la fakto? La fakto estas fenomeno aŭ ago, atestita de ĉeestintoj, ĉu ne? Tamen la ĉeestintoj povas esti partiecaj, profitamaj aŭ simple profanaj… La fakto estas ago aŭ fenomeno atestita dokumente, ĉu ne? Sed la dokumentoj povas esti falsaj aŭ fuŝkompilitaj… Fine, la fakto estas ago aŭ fenomeno, fiksata de mi persone. Tamen miaj sentoj povas esti obtuzigitaj aŭ eĉ entute trompitaj per aldonaj cirkonstancoj. Do iĝas evidenta, ke la fakto, kiel tia, estas io certagrade efemera, svaga, nefidinda, kaj aperas natura bezono entute forigi tiun ĉi nocion. Sed en ĉi okazo trompo kaj vero aŭtomate iĝas primaraj nocioj, nedifineblaj per kiuj ajn pli ĝeneralaj kategorioj... Ekzistas

la Granda Vero kaj ties antipodo, la Granda Mensogo. La Granda Vero estas tiom granda kaj ĝia vereco estas tiom evidenta por ĉiu normala homo, kia estas ankaŭ mi, ke refuti aŭ kripligi ĝin, tio estas mensogi, iĝas absolute sensence. Ĝuste tial mi neniam mensogas kaj, nature, neniam trompe atestas.

– Fajne, – diris Teofilo. – Tre fajne… Certe, post Purcelankis restos tiu ĉi lia filozofio de la fakto, ĉu ne?

– Ne, – diris la kaprino. – Certe, la filozofio restos, sed Purcelankis ne havas rilaton al tio. Ne estas li, kiu ĝin elpensis. Li entute nenion elpensis, krom sia disertaĵo, do restos post li nur tiu disertaĵo, kiel ekzemplo de tiaspecaj verkoj.

Teofilo enpensiĝis. La kaprino estis sidanta sur benketo apud liaj piedoj kaj kombis la harojn, kiel Loreleo. Mi kaptis ŝian rigardon, kaj ŝi ridetis al mi, ne sen koketemo. Tre, tre ĉarma kaprinjo ŝi estis. Ŝi posedis ion de mia Stellinjo, kaj mi treege ekdeziris hejmen.

– Ĉu mi ĝuste komprenis, – diris Purcelankis, alparolante Teofilon, – ke ĉio estas finita, kaj ni povas daŭrigi niajn okupojn?

– Ankoraŭ ne, – respondis Teofilo, rekonsciiĝinte. – Mi volus doni kelkajn demandojn ankaŭ al tiu ĉi civitano.

– Kion? – eksklamaciis la konsternita Purcelankis. – Ĉu al Lavr Fedotoviĉ?

– La popolo… – elparolis Lavr Fedotoviĉ, rigardante ien per binoklo.

– Ĉu demandoj por Lavr Fedotoviĉ?!.. – balbutis Purcelankis, – estante en groggi-stato.[1]

– Jes, – konfirmis la kaprino. – Por Fjetorulov Lavr Fedotoviĉ, jaro de naskiĝo…

– Tamen, kio estas tio?! – ekblekis en despero Purcelankis. – Kamaradoj! Kien do ni denove alvenis? Nu, kio do estas tio? Ja estas nedece…

– Ĝuste, – diris Pankonsumov. – Ne nia estas ĉi afero. Estu la milico, kiu traktos.

– Hrrm, – elparolis Lavr Fedotoviĉ. – Ĉu estas aliaj proponoj? Ĉu estas demandoj al la raportinto? Esprimante komunan opinion, mi proponas la kazon numero dudek naŭ raciigi kiel neklarigitan fenomenon, prezentantan intereson por Ministerio de proviantindustrio, Financa Ministerio kaj Ministerio pri protektado de socia ordo. Celante primaran utiligon mi proponas la kazon numero dudek naŭ, titolatan "Sorĉitaĵo", transdoni en prokurorejon de Kiteĵgrada distrikto.

Mi rigardis al la holmopinto. Arbaristo Teofilo, peze apogante sin je la klabo, staris sur sia peroneto, desub la polmo pririgardante la ĉirkaŭaĵon. La kaprino vagadis en legomĝardeno. Mi, adiaŭante, svingis al ili la bereton. Malgaja suspiro de la nevidebla Edĉjo eksonis ĉe mia orelo samtempe kun peza ekfrapo de la Granda Ronda Stampilo.

[1] Groggi-stato – momenta malbonfarto de boksisto post serioza bato.